XXIIIa jaro. No 321 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

**Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
**Kun la membreco de UEA** . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
**Unu numero** . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO



## La Praha paceduka kongreso

Ĝi estis neatendita sukceso Sub la devizo „Paco per lernejo“ kunvenis en Praha 400 instruistoj kaj edukistoj el 19 landoj. Dum tri tagoj ili multon lernis pri ĉio ĝis nun provita en diverslandaj lernejoj por eduki infanojn laŭ la bezono de nia postmilita epoko. Tio signifas: kiel komprenigi al ili, ke oni devas esti ankaŭ homarano krom regnano kaj familiano. Kompreno kaj simpatio al ĉiuj popoloj devas kompletiĝi la naturan amon al hejma rondo. Tutmondana sento devas aldoniĝi al la ĝisnuna nura nacia sento. Malegoismo estas etiko taŭga, ne nur inter individuoj sed ankaŭ inter nacioj.

Pri la psikologia flanko de tiu ĉi problemo, pri la infanaj instinktoj profiteblaj aŭ indaj je alivojigo, pri la sciencaj metodoj de enketo kaj statistiko (rilate al sentoj aŭ antaŭjuĝoj de l' infanoj) raportis kompetentaj scienculoj. Poste fakuloj rakontis pri siaj propraj spertoj en instruado pri historio, geografio, naturscienco, literaturo, ankaŭ en praktikaj rimedoj: interkorespondado aŭ intervizitado de diverslandaj infanoj, internaciaj kampoj, interŝanĝo de lerneja materialo.

Aparta diskuto okazis pri la neceseco ŝanĝi multon en la lernolibroj pri historio por forigi troan laŭdon al propra nacio kaj tro volontan incitemon kontraŭ aliaj. Sur tiu ĉi kampo kelklandaj instruistaj asocioj jam energie eklaboris kaj eĉ bojkotis ŝovinistajn librojn. Estas vere kuraĝiga la konstato ke ĉie, ne nur sur unu flanko de gravaj landlimoj, sed trans ambaŭ, ekzistas kreskantaj rondoj por entrepreni tiun necesan taskon.

La Praha konferenco fariĝis eĉ kongreso. Protektanto estis Prezidanto Masaryk. Salutparoladis ministroj Beneŝ kaj Hodža. Entute 494 enskribiĝis. El la 400 efektivaj partoprenantoj unu triono estis ĉeĥoj, unu triono germanoj, unu triono diversnacianoj el 17 aliaj regnoj. Ĉirkaŭe 250 estis esperantistoj, plejparte geinstruistoj, kaj el la ceteraj 150, ŝajne la duono eklernis iom Esperanton pro la konferenco, ekzemple konataj pedagogoj kiel profesoro Casimir el Hago aŭ D-ro Ogoun el Praha. Do entute almenaŭ tri kvaronoj de la ĉeestantaro komprenis la lingvon.

La raportoj nacilingvaj de eminentaj Francoj, Angloj, Germanoj, Ĉeĥoj kaj Amerikanoj estis tuj paroltradukitaj esperanten. Aliaj raportantoj mem uzis Esperanton same kiel prezidanto Profesoro Bovet. Entute la helplingvo estis pli kaj pli uzata kaj en lasta tago preskaŭ eĉ tro dronigis la tutan kongreson, kie kelkaj eminentuloj ne lernintaj Esperanton sentis sin iom izolite kaj samtempe tamen admiremaj kaj deziremaj ankaŭ kompletigi sian kulturon per tiu nova facila interkomprenilo.

Do la eksperimento alportis pozitivan rezultaton kaj iuj el niaj Prahaj amikoj diras, ke ĝi pli konvinkis la gazetojn kaj la publikon ol ĉiu propaganda predikado kaj eĉ pli ol nia XIII-a Universala Kongreso. Ni tion danku al la Internacia Eduka Oficejo, al ĝia gvidanto Prof. Bovet kaj al liaj helpantoj en Praha Prof. Přihoda, D-ro Ogoun, al nia senlaca organizanto S-ro Hromada, al la Prahaj grupoj ĉiam tiel gastamaj kaj al gazetaro tiel akurate informata de S-ro Pitlik. Al ĉiuj tutkoran dankon. Nia lingvo plej progresas, kiam ĝi servas utile.

*Edmond Privat*

# Internacia Konferenco „Paco per Lernejo“

## Praha, 16—20 Aprilo 1927

sub la protekto de la Prezidanto de l' Ĉeĥoslovaka Respubliko T. G. Masaryk
kaj la honora prezido de D-ro Ed. Beneŝ, Ministro de l' Ekstero
kaj D-ro M. Hodža, Ministro de l' Publika Instruado



### *Unua laborkunsido*

**Lundon, 18 Aprilo 1927, en la Histologia Instituto de l' Praha Universitato.**

Temo: Psikologic.

Malfermo je 9.30 h.

D-ro *Přihoda*, Praha, prezidanto de la Loka Organiza Komitato, en la ĉeesto de la honoraj prezidantoj D-ro E. Beneŝ, Ministro de l' Ekstero, kaj D-ro M. Hodža, Ministro de l' Publika Instruado, oficiale malfermas la konferencon kaj esprimas bonvenan saluton al la ĉeestantaro el 18 nacioj.

La elektita prezidanto de la konferenco, Prof Bovet, transprenas la prezidon kaj je lia propono oni elektas la jenan estraron:

Prezidanto: Prof. P. Bovet, Genève
Vicprezidantoj: D-ro V. Přihoda, Praha
D-ro Edm. Privat, Genève
Sekretarioj: D-ro Jos. Ogoun, Praha
D-ro Flusser, Praha
S-ro Rud. Hromada, Praha
S-ino M. Illová, Praha
Protokolantoj: D-ro Veitz, Praha
F-ino Šupichová, Praha
S-ro J. L. Claparède, Genève
Stenografoj-interpretistoj: S-ro Rob. Kreuz, Genève
S-ro Vuk Echtner, Praha

Post tio la prezidanto varme salutas la ĉeestantajn ministrojn kaj la Prezidanton de la Ĉeĥoslovaka Respubliko, D-ro T. G. Masaryk, protektanto de l' konferenco, forestanta de Praha pro vojaĝo al Egipto.

Ministro *Beneŝ* en varma ovacio diras saluton al la konferenco, kiun li ĝojas vidi en Praha, ĉar ĝia celo estas tute konforma al la tradicio de l' ĉeĥoslovaka popolo, kiu ĉiam havis altan ŝaton kaj bonan komprenon pri la neceseco de laboro por la paco.

Ministro *Hodža* akcentas, ke ekstera paco ne povas esti sen interna paco, kies bazo estas celkonscia edukado. Tial la laboro de tiu ĉi konferenco meritas ĉiun simpation kaj subtenon, kiu en Ĉeĥoslovakio neniel mankas.

Post vigle aplaŭdata esperantlingva traduko de la ministraj salutoj, farita de D-ro Privat, la prezidanto laŭtlegas la jenan tekston de telegramo sendota al respublika prezidanto T. G. Masaryk:

> *Kongreso „Paco per Lernejo“ petas vin akcepti senton de profunda respekto kaj dankemo. Vi estas ne nur protektanto de tiu ĉi kongreso, sed fidela al la genio de via nacio, vi alten levis en via lando la standardon de la paco. Vi montris, kiom potencas la klara ideo inspiranta la aktivan fratecon. Ni kore dankas vin.* (Granda aplaŭdo.)

La prezidanto laŭtlegas la liston de la partoprenantaj institucioj, societoj kaj iliaj delegitoj, kaj post mallonga paŭzo oni remalfermas la laboran kunsidon por aŭskulti raportojn de eminentaj kompetentuloj pri la diversaj temoj ligitaj al la problemo de l' porpaca edukado.

D-ro *Bovet*, profesoro de la Ĝeneva Universitato kaj Direktoro de la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo, prezentas valoran studon pri la problemo de la paceduko sur la psikologia kampo. (En Esperanto.)

Tute ne sufiĉas, se en la lernejo oni donas nur instruadon. Estas necese, ke la edukistoj atente observu ankaŭ la naturon kaj instinkton de la infanoj, por havi la bazon, sur kiu konstrui la edukan laboron. Diversaj instinktoj manifestiĝas ĉe la infanoj. Inter ili du prainstinktoj estas precipe gravaj. La unua estas la batalema instinkto, observebla cetere tra la tuta evolucio de l' infano kaj homaro. Ĝi estas ofte bona, ĉar ĝi estas grava faktoro de evoluo kaj progreso. La dua grava tendenco estas la solidareco, la socia instinkto de kunsento, manifestiĝanta en tri gradoj: emo al kunesto, plezuro de konformeco, kaj la solidareco, jam enhavanta grandan elementon pensan. La batalema instinkto estas lerte alivojigebla al pozitiva batalo por idealoj, por la homara progreso. Pri tio tre interesajn ekzemplojn donas kelkaj ŝtataj institucioj, kiuj enkanaligas la batalan instinkton de la ŝtatanoj al utilaj organizitaj agadoj je la servo de la komuno. La plej alta instinkto estas la religia sento kaj la amo al la patrolando. Ili ambaŭ venas el la fila sento, el kiu ĝermas la adoro al la gepatroj, lojaleco al la ŝtato, respekto al estro. Tiu ĉi sento perfektiĝas en la konscio pri la unueco de la homaro, por kio la naciaj lingvoj eĉ ne havas ankoraŭ taŭgan vorton; nur Esperanto esprimas ĝin precize per la vorto homaranismo. La ĉefa tasko de la nuntempaj edukistoj devas esti: eduki tiun ĉi novan senton pozitivan de l' homaraneco kaj ne la negativan senton kosmopolitisman. Formo por la homaraneco jam estas en Ligo de Nacioj. Ĝi ja ne havas moŝtan estron, himnon kaj flagon, sed esperantismo kreis konkretajn simbolojn, lingvon, amon al Zamenhof, La Espero'n, la verdan standardon. Profunda religia eduko kondukas al la idealo de homara unueco, se oni akcentas la komunan filecon kaj do fratecon de ĉiuj homoj.

D-ro *Prescott*, profesoro de la Havard-Universitato, Bostono (en angla lingvo, trad. D-ro Privat), en interesplena prelego komunikas la metodon kaj rezultojn de la scienca studo pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de l' infano.

En la lasta tempo speciale en Usono en edukistaj rondoj oni forlasas pure akademiajn diskutojn pri la valoro de la temoj en programoj lernejaj aŭ metodoj ilin instruadi kaj postulas faktojn, kiuj pruvas la rezultojn de la nunaj metodoj. Tiamaniere oni ebligas juĝon pri la neceseco de eventualaj ŝanĝoj. Tiel kreiĝis la movado por „testoj“ (scienca mezurilo de l' edukaj rezultoj). Plej malfacile estas, mezuri la rezultojn de edukado rilate al pensmaniero kreita aŭ kuraĝigita en lernejoj. Por mezuri la sintenon kaj ankaŭ juĝon de la infanoj ekzistas nuntempe tri manieroj. Ĉiu havas avantaĝojn kaj malavantaĝojn.

La unua estas la tielnomita nerekta metodo. Oni studas la ĉirkaŭon de l' infano por mezuri la psikologiajn influojn. Lastatempe oni uzas tiun metodon ankaŭ en diversaj eŭropaj landoj por enketi, kiel la edukado tuŝas la internaciajn problemojn. Oni ekzamenas lernejajn programojn, lernolibrojn, ministrajn cirkulerojn, eĉ la evoluon de la vortoj en tiuj dokumentoj. Ekzemple pri la Ligo de Nacioj dum longa tempo la dokumentoj nenion mencias. Poste okazis parlamenta permeso, pli poste jam aperas nerekta informado, ĝis fine oni havigas materialon kaj eĉ oficiale rekomendas la instruadon pri la Ligo de Nacioj, kelkloke eĉ devigas al tio. Al tio apartenas la informiĝoj ĉe direktoroj, gazetoj kaj instruistoj. En Francujo estas tre zorga agado

kontraŭ ne-objektivaj lernolibroj, precipe profesiaj asocioj protestis kontraŭ tiaj libroj. Krome oni devas studi aliajn influajn faktorojn, kiel politiko, lerneja organizo k. a. La avantaĝoj de tiu ĉi metodo estas, ke ĝi povas esti uzata en la lokoj, kie oni ne povas rekte studi la infanojn mem, ke ĝi atentigas la instruiston pri la influo de eksteraj cirkonstancoj kaj diversaj nekonsciaj influoj ordinare ne konsiderataj. Ĝiaj malavantaĝoj estas, ke ĝi ne montras la proporcion, laŭ kiu ĉe la influitaj infanoj kreskis la dezirita pensmaniero, ne montras, kiom vigle aŭ forte kreskis la sinteno kaj ne tre ebligas komparojn inter observado de diversaj observintoj.

La dua metodo estas la priskriba. Oni prezentas rekte al la infanoj problemojn kaj demandojn kaj ricevas de ili rekte skribajn respondojn pri iliaj sentaj sintenoj. Tiun metodon precipe interese uzis D-ino Baumgarten-Tramer en sia studo pri sentoj de polaj infanoj dum la milito. Ŝiaj tri kondiĉoj: ke la infanoj ne sciu antaŭe pri la vizito, la respondfolioj restu ne subskribitaj kaj la respondado okazu en la foresto de la instruisto, ebligis ricevi respondojn ne-influitajn kaj sincerajn. Si citas multajn ekzemplojn ilustrantajn la pensadon de la infanoj pri la militaj okazintaĵoj. Avantaĝoj de tiuj ĉi metodoj estas, ke ĝi studas el rektaj respondoj kaj ebligas kvalitan komparon. Malavantaĝoj, ke iaj respondoj povas esti neklaraj kaj la komparo ne ĝusta. Plue, ke rezultatoj el diversaj grupoj de infanoj ne estas kompareblaj, se ilin juĝas diversaj individuoj aŭ sama persono en diversaj tempoj.

La tria metodo estas la rekta, objektiva. Same kiel la dua, ankaŭ tiu ĉi prezentas al la infano demandojn por ricevi rektajn respondojn. Sed oni faras tion per preparitaj demandaroj, kiuj postulas nur tri aŭ kvin respondojn. La demandoj estas tiaj, ke ĉiu respondo havu klaran, senkonfuzan sencon, lasante nenion al la juĝo de la eksperimentisto, por decidi, kion la infano volis esprimi. Ekzemple: Nia nacio estas la plej bona kaj plej civilizita. Je tiu ĉi aserto oni povis doni nur unu el la jenaj tri respondoj: vera, malvera, necerta. En konservativa lernejo angla je tiu demando jese respondis 43 %, dume en alia lernejo, pli libere gvidata, nur 21 % donis la respondon: vera.

La avantaĝoj de tiu ĉi lasta metodo estas, ke ĉiuj respondoj estas rekte kompareblaj kaj eĉ ekzakte statistikeblaj, plue, ke la rezultatoj estas seriozaj, akiritaj kaj mezuritaj objektive, sen la ebleco, ke la eksperimentisto, instruisto aŭ iu ajn alia persono, influu la infanojn per siaj antaŭjuĝoj. Tamen estas ankaŭ malavantaĝo, ke nur tiuj diferencoj estas mezureblaj, kiuj elfluas el la limigita demandaro.

Evidentiĝas, ke kompleta informado pri la lerneja influo al la infanaj sentoj estas akirebla nur per la apliko de ĉiuj tri metodoj kune. Unu el la tri metodoj sole aplikata ebligas nur malpli kompletan studon. La plej certa estas la tria metodo, ĉar ĝi havigas senkonfuzajn faktojn per senkonfuza objektiva akirado. La ĉefa valoro de la mezurado pri la sentoj de l' infanoj pri internaciaj aferoj estas, ke ĝi atentigas la infanojn pri tio, kiajn sentojn ili povas havi, pensigas ilin pri ekzistantaj problemoj kaj instigas ilin al priatento. Plie ĝi atentigas kaj pensigas la instruistojn kaj edukistojn pri la influoj, kiuj produktas en la infanoj diversajn sentojn kaj instigas la instruistojn pli zorgi, ke nur taŭgaj influoj estu kuraĝigataj.

S-ro Prof. *Rud. Fridrich,* direktoro de gimnazio, Brno, (en Esperanto) faras riĉe dokumentitan raporton pri siaj spertoj akiritaj per esplorado sur bazo de testoj.

Al grupo de 143 gejunuloj de meza lernejo (el kiuj 101 knaboj kaj 42 knabinoj) estis donita la demando: Kion vi scias pri la Ligo de Nacioj? El 30 lernantoj, kiuj formis unu grupon, nur 5 knaboj sciis ion, dum aliaj 25 knaboj kaj knabinoj tute nenion sciis pri ĝi.

La dua demando estis: Ĉu la paco estas utila? Jese respondis amplekse 9, simple 21, laŭ jena vidpunkto:

10, por bonfarto
7, por trankvilo
5, por malaltaj prezoj
3, ĉar oni povas trankvile labori
2, por bonstato de industrio
1, por klerigado de popolo
1, por evito de epidemioj
1, sekureco de malgrandaj nacioj.

La tria demando: Ĉu la milito estas utila? El 30 lernantoj jese respondis 4, kun la motivo, ke ĝi utilas al komercistoj, venkintoj kaj grandaj nacioj; neis 10, ĉar ĝi pereigas multajn homojn, kaj 16 pro la diversaj malbonaĵoj, kiuj sekvas la militon (kripligas, malsanigas, degenerigas, barbarigas, elĉerpas provizojn, kaŭzas mizeron kaj malsaton, dissemas malamon ktp.).

La kvara demando al 18 knaboj: Ĉu vi ŝatas esti soldato? Respondis jese:

13, se la patrolando estas en danĝero
3, volonte servus, el kiuj unu tamen nur en rezervo, kaj unu nur, ĉar povus fariĝi generalo
2, negative respondis, motivante, ke soldatservo helpas estontan militon kaj ĉar ili ĝenerale fartas malbone.

La kvina demando: Kiel oni povus atingi la pacon? Respondis 18 knaboj kaj 12 knabinoj.

| Knaboj: | Knabinoj: | |
|---|---|---|
| 7 | 7 | per intertraktado |
| 1 | — | per puno al nacio komencanta militon |
| 1 | 1 | per reciproka amo kaj justeco |
| 3 | — | per klereco kaj honesteco de l' popoloj |
| 1 | — | per decido de Ligo de Nacioj |
| 3 | 2 | diversaj motivoj |
| 1 | 2 | ne scias, kiel atingi |
| 1 | — | ne kredas, ke estas atingebla. |

La sekvantaj demandoj pritraktas la temojn: Ĉu vi opinias, ke la paco efektiviĝos? Kian impreson vi havas, vidante militistaron marŝantan tra la strato? El la respondoj al la lasta demando estas aparte citinda la deziro de unu knabo, esti oficiro, sed nur dum paco.

La rezultoj montris entute, ke la observitajn geknabojn gvidis preskaŭ nur ekonomiaj motivoj kaj nereligiaj aŭ naciaj. El ili ĉe 46 % manifestiĝis batalema instinkto, ĉe 54 % pacema tendenco, La eksperimentado estas tre plezuriga kaj instrua, tial li varme rekomendas ĝian aplikadon.

Fino de la kunsido 12.30 h.

* * *

## *Dua laborkunsido*

Temo: Instruado.

Komenco je 3 ptm.

Prof. D-ro *Stan. Kamaryt,* Bratislava (en Esperanto).

Por paca edukado oni utile povas apliki la instruadon pri la naturaj sciencoj, ĉar kelkaj tezoj estas intime ligitaj kun internaciaj problemoj de l' paco. Multaj nuntempe uzataj lernolibroj montras, ke sur tiu kampo ekzistas pluraj mankoj. Li kolektis ilin en kvin punktoj: Multaj lernolibroj de fiziko priskribas la eltrovaĵojn de la moderna tekniko (balonoj, aeroplanoj, radio, telefono, telegrafo, armiloj, gaso, eksplodiloj ktp.) kvazaŭ ili estus destinitaj ekskluzive por milita celo. Kontraŭe al tio oni devus akcenti la gravecon de tiuj eltrovaĵoj por la intereso de la homara progreso.

Aliaj lernolibroj pri botaniko kaj mineralogio vekas la falsan supozon, ke certaj landoj abundante en naturaj riĉaĵoj, povas ekzisti per si mem. Kontraŭ tio per objektiva priskribado de

ĉiuj landoj oni devas elmontri la veron, ke neniu lando, eĉ la plej granda kaj riĉa, sufiĉas por si mem, sed ke ili ĉiuj dependas unu de la alia.

En lernolibroj oni ofte trovas pri alinaciaj scienculoj kaj esploristoj informojn nekompletajn kaj erarigajn, kaj per tio naskas malĝustajn opiniojn pri la koncerna persono kaj popolo. Oni devas objektive elmontri ilian gravecon kaj meriton.

Multaj lernolibroj priskribas la militon kiel faktoron por la progresigo de scienco, tekniko kaj industrio. Tio estas erara supozo neniel pruvebla, tial oni devas ankaŭ prezenti la faktojn, kiuj pruvas la malan efikon de la milito.

La tiel nomata batalo por la vivo estas naturleĝo biologia kaj sekve de tio ĝi ne povas esti bazo de etika normo kaj influi la moralon, kiel tion instruas multaj lernolibroj. Ankaŭ la natura leĝo de Newton pri la gravitacio aŭ la kemia leĝo de Richter pri la proporciaj pezoj de la kemiaj elementoj en la kombinaĵoj ne povas servi kiel bazo por la etiko.

S-ro inspektoro *Franta*, Praha (en ĉeĥa lingvo, trad. Echtner).

La disvastigo de la pacideo multe dependas de la lernolibroj pri historio. Sur tiu kampo bedaŭrinde estas ĝis nun multa manko. Plej ofte ili estas simplaj registroj de nomoj, faktoj kaj datoj: Literoj sen spirito. La historio devas eduki: sekve ĝi kaj ĝiaj instruantoj devas havi spiriton por konduki la novajn generaciojn sur vojo al la progreso homara al la paco. La historio de la homaro ja ne estas nura batalado kaj perfortado, la disvastiĝo de la eŭropa kulturo ne estas rezulto de militoj kaj bataloj, kiel tion rakontas niaj lernolibroj, sed frukto de ideoj, oferoj kaj heroaj agoj de pacaj pioniroj. Tre veras la diro de Carlyle: Ne tiu estis la pli granda bonfaranto de la homaro, kiu venkis en la batalo apud Kaneno kaj Trasimeno, sed tiu sennoma malriĉulo, kiu forĝis la unuan feran plugilon. Ne la generaloj kaj imperiestroj ŝanĝis la historion de la homaro, sed modestaj sindonaj kulturherooj. Alia kulpo de niaj lernolibroj estas la troa glorigo de la propra nacio, kiu kaŭzas malutilan memplaĉon kaj maljustan taksadon pri la aliaj popoloj. Li juĝas, ke la amerikaj lernolibroj estas plej perfektaj el tiu vidpunkto. Proponas postuli de la instruaj aŭtoritatoj energian helpon por la revizio de la lernolibroj kaj instruado en spirito de internacia justeco kaj pacemo.

S-ro *J. Prudhommeaux*, Paris (en franca lingvo, trad. D-ro Privat). Batalo kontraŭ militemaj lernolibroj.

La raportanto en elokventa parolado akcentas la gravecon de batalo kontraŭ lernolibroj, kiuj per sia militema kaj maljusta tendenco infektas la infanan animon kaj semas malamon kontraŭ fremdaj popoloj. La afero estas des pli grava, ĉar la lernolibroj estas vendataj en milionoj da ekzempleroj, kaj tiel ili faras potencan influon. Ekzemple Pariza eldonejo ĵus anoncis la disvendon de certa lernolibro en jam 1 900 000 ekzempleroj; alia eldonejo eĉ en 2 500 000 ekzempleroj. En la animo de la infanoj kiuj devas parkere ellerni tiujn librojn, la enhavo de tiuj libroj restas dum la tuta vivo. Estas malfacile ŝanĝi la pensmanieron akiritan dum la aĝo de l' edukado. La solvo de tiu ĉi problemo estas urĝa precipe en la postmilita tempo, ĉar la novaj lernolibroj estas plenaj de instruoj pri la mondmilito, kiuj parte supermezure laŭdas kaj pravigas la propran nacion kaj maljuste atakas kaj kulpigas fremdajn popolojn. Sen la forigo de tiuj restaĵoj vera paco ne estas imagebla. La vojo de la reformo estu: peti ĉiujn eblajn aŭtoritatojn por kontroli la lernolibrojn kaj aldoni objektivan instruadon pri la Ligo de Nacioj. Enlande oni agu ĉe lernejestraroj kaj precipe ĉe instruistaj unuiĝoj. Tia agado en Francujo estis tre sukcesa, ĉar la kongreso de la Nacia Franca Instruista Sindikato, havanta 80 000 membrojn, en Strasburgo 1926 decidis labori ĉiuforte por gvidi la junularon al internacia kompreno kaj reamikigo, proklamis resti sur pedagogia kampo kaj forigi el la lernolibroj la frazojn malhelpantajn la internacian harmonion. La sama sindikato en Oktobro 1926 kulpigis 26 lernolibrojn kaj decidis bojkoti ilin. Tiu ĉi bojkoto en kelkaj departementoj de Francujo bone sukcesis. La paroladanto nun preparas volumon pri tiu ĉi temo, precipe pri Centra kaj Suda Eŭropo kun detalaj enketoj. Kompreneble en ĉiuj landoj oni devas agi alimaniere pro la diversaj kondiĉoj. Ekzemple en Grekujo la registaro disponas pri la uzotaj lernolibroj. En Ĉeĥoslovakio estas modela aranĝo. Plej facile oni agas en Francujo kaj Britlando, kie la elekto de lernolibroj estas libera.

Rezolucion li submetos al la komisiono.

D-ro *A. Möbusz*, direktoro de seminario en Lübeck, (en Esperanto) raportas pri la sama temo, sin limigante precipe pri germanaj lernolibroj Li skizas la evoluon de la historiaj lernolibroj, defendas ilin kontraŭ mallaŭdaj kritikoj de diversaj flankoj. Citas la § 148 de la Konstitucio de l' Germana Respubliko, kiu ordonas, ke la instruado kaj edukado okazu en la spirito de interpopola repacigo. Raportas, ke en tiu spirito laboras la germana popol-instruistaro (Deutscher Lehrerverein) kun pli ol 100000 membroj, krome la verkintoj de la novaj historiaj lernolibroj kaj diversaj internaciaj komisionoj. Informas pri la konferenco en Bern 1926 kaj rekomendas ĝiajn tezojn. Finas sian raporton per la vortoj de la svisa poeto Keller: „Estimu ĉies patrolandon kaj la vian amu!"

S-ro *du Pasquier*, kabinetĉefo, Saarbrücken, (en germana lingvo, trad. en Esperanto) pri „La konstruaj klopodoj. Rekomendoj de la Ligo de Nacioj".

La tasko de la lernejoj en nia kriza kaj politike necerta tempo estas ekstreme grava. Kune kun la gazetaro la lernejo havas la povon prepari kaj influi la publikan opinion. Kiamaniere agi, montras la rekomendoj kaj proponoj de ekspertiza komitato de l' komisiono por intelekta kooperado en la Ligo de Nacioj. La instruistaro de l' tuta mondo estas vokita okupi sin pri tiuj sugestoj kaj efektivigi ilin en la praktiko. La paroladanto akcentas la rekomendojn, kiuj rilatas al la klerigo de la instruisto kaj raportas pri povo de l' lerneja sekcio de la registara komisiono de Saarteritorio (gvidata de registara komisaro D-ro Franz Wezenski), informadi la instruistojn de ĉiuj instru-kategorioj pri la pac-problemo per aparta broŝuro, utiligata por la edukado. La aperaĵoj de la sekretariejo de la Ligo de Nacioj en Genève ne estas rekte destinitaj al instruistoj kaj lernejo, la paroladanto aldonas superrigardon pri la enhavo de unu presaĵo kaj substrekas sian klopodadon, doni klaran bildon pri la pac-problemoj, kun la celo historie priskribi la amplekson, gravecon kaj necesecon de la evoluigo al paco. Krom la instruado pri la organizo de la Ligo de Nacioj oni devas ankaŭ antaŭvidi aliajn edukajn entreprenadojn en kontakto kun la junulara movado kaj la kristanaj komunecoj. La fina celo lumas al ni el la inspiritaj vortoj de apostolo Paŭlo, per kiuj li proklamas la unuecon de l' homaro kaj antaŭvidas tempon, kiam ekzistos nek judoj nek grekoj, nek barbaroj nek skitoj, sed nur unu frataro.

S-ro *Maurette*, estro de la scienca sekcio de la Internacia Labor-Oficejo en Genève, (en franca lingvo, trad. en Esperanto).

Kiel oficiala laboranto por la paco salutas kaj dankas al la neoficialaj laborantoj por la paco. Ni provas organizi la pacon, sed vi kreas por ĝi la necesan publikan opinion, sen kiu oni povas nenion fari en tiu kampo. Por agi efike kaj por atingi la celon oni devas komenci jam ĉe la infano. Ekzistas pluraj specoj de paco: politika, ekonomia, socia. La militoj devenas ĉefe de ekonomiaj kaŭzoj, pro tio la plej bona bazo por la paco estas ordigi la ekonomian staton, kaj tion oni ne devas fari nur en unu lando, sed en internacia skalo. Estas necese, ke la infanoj aŭdataj paroli pri maljustaĵoj, jam en la unuagrada lernejo estu instruataj ankaŭ pri la klopodoj ilin forigi. Nia agado estu gvidata de la devizo: Se vi volas la pacon, kulturu la justecon!

S-ro D-ro *J. E. Williams,* Cardiff, anstataŭ Rev. Gwilym Davies, (en angla lingvo, trad. en Esperanto) pri „Kion oni faris en kimraj lernejoj".

Ĉar Kimrujo estas malgranda lando, la laboro estas facila. En 1922 S-ro Davies kunvokis edukistojn, lernejestrojn kaj instruistojn de historio kaj geografio al tritaga konferenco por priparoli agadon por eduko de internacia kompreno de la infano. Oni decidis ne fari propagandon, sed fari profundan ŝanĝon en la edukado mem kaj precipe en la instruado de la gravaj temoj de historio kaj geografio. Tiu konferenco stariĝis kiel daŭra komitato kun la jenaj difinitaj celoj: kolekti informaron, interrilatiĝi kun edukaj aŭtoritatoj kaj aranĝi konferencojn por la instruistaro. La sukceso estas tute kuraĝiga. Aŭtoritatoj eldonis ordonon pri la instruado pri la Ligo de Nacioj, okazis 40 konferencoj kaj en la agado partoprenas 6000 instruistoj, pretaj instrui pri „Mondcivitaneco". La infanoj mem fervore interesiĝas kaj en la lastaj kvin jaroj je la „Tago de Bonvolo" (18 Majo) la kimraj lernantoj dissendis senfadenan saluton per la plej forta brita radio-stacio al la infanoj de la tuta mondo. Tiuj salutoj vekis ĉie grandan eĥon. Oni ĝoje konstatas la kreiĝon de internacia menso, kiu promesas kontraŭstaron al eventualaj pormilitaj incitoj en la estonteco.

S-ro *Miloslav Skořepa,* fak-instruisto, Německý Brod, (en ĉeĥa lingvo, trad. en Esp.) pri „Al paco per civitana eduko".

La instruado de civitana etiko krom la historio estas la plej grava lernobjekto. Ĉe la malgranda infano oni devas enradikigi kaj evoluigi instinktojn kaj sentojn, kiuj estas la psikologia bazo de pacifismo, kaj ilin oni devas instrui pri esenco kaj bezono de monda paco. Pro la cirkonstancoj tre malsamaj en la unuopaj ŝtatoj ĝis nun la instruado de civitana etiko ne havis unuecan fundamenton, ĉar kompreneble la diversaj ŝtatoj mem reguligis ĝin laŭbezone. Tiamaniere en praktiko la civitana edukado sur bazo de patriotismo, nacionalismo kaj inklino al la ŝtato pli malproksimigas la naciojn ol ĝi kunigas ilin.

En Ĉeĥoslovakio la gvidanta ideo de civitana etiko estas la Lincolna formulo de demokratio kiel la regado pere de popolo kaj por la popolo. Sed ekzistas ankaŭ ŝtatoj, en kiuj oni tiun ĉi devizon ne povas valorigi. En Ĉeĥoslovakio oni atentis ĉefe pri la disiganta funkcio de civitana etiko kaj zorgis pri tio, ke en instruplano estu sufiĉe da elemento de prudenta pacifismo. Krom la moralaj principoj ĝenerale aprobitaj oni klopodis traktadi ĉe la lernantaro pri bono, kiu alfluas al la individuo el la homa societo pri komuna havaĵo de la homaro, scienco, arto, eltrovoj kaj literaturo, pri egaleco de la nacioj, militarismo, milito kaj granda valoro de paco, pri pliproksimiĝo de la homaro, pri Ligo de Nacioj, pri internaciaj interkomprenigiloj kaj pri tuta vico da temoj ligitaj kun la pacifisma ideo. Patriotismon ni konsideras kiel agokrean laboron, sed ni nepre rifuzas ĉiun ŝovinismon; tiamaniere ni edukas al demokratio. Ni ankaŭ dediĉis parton de la instruado al la organizo de Ligo de Nacioj, krom tio pri internaciaj helpiloj, ekzemple pri Esperanto. Per kunigo de ĉiuj detaloj ni alivojigis je granda grado la bataleman instinkton kaj vekigis en la infanoj la konscion pri aparteno al la homa familio kaj respekto por fremduloj. Ambaŭ rekonoj estas la bazo por internacia daŭra paco.

Fino de la kunsido.

* * *

## *Tria laborkunsido*

**Mardon, 19 Aprilo 1927.**

Temo: Edukado.

Komenco je 9 h. matene.

Prof. *R. Casimir,* Haag, (en franca lingvo kaj en Esperanto) pri „Partopreno de la lernantoj en la lernejorganizo kiel enkonduko al la Ligo de Nacioj".

Ekzistas du manieroj por propagandi la pac-ideon al la infanoj. La rekta maniero: paroli pri la mizeroj de la milito kaj utilo de la kooperado; nerekta metodo: edukante al paco, vekante respekton al leĝo, montrante praktikon de l' justeco, unue en malgrandaj grupoj, poste en pli vastaj rondoj. Tia eduko estas speciale grava en la tempo de la maturiĝo, kiu komencas per negativa fazo: deziro forĵeti ĉiun disciplinon, obstinemon, memstaremon. La maturiĝanta junulo devas havi okazon por aktive partopreni en la starigo de lerneja aŭtoritato. Li mem elektu siajn superulojn, faru por si la leĝojn. Tio konsciigos lin pri la komuneco de la interesoj, pri ekzistanta socia forto, antaŭ kiu li devas klini sin. Tiel lia idealismo ekhavos praktikan celon. Liaj fortoj estos uzataj por utila servo, li havos plezuron pri propraj sukcesoj kaj fruktoj de sia laboroj. Direktante la aktivecon de la junuloj al praktika kunlaboro kun aliaj personoj kaj asocioj, ili trovos la bazon de internacia spirito, kiu donos al ili moralon, favoran al paco. La instruo devas akceli solidarecon, subigon de propraj interesoj al ĝenerala celo kaj veki la sentojn de justemo. Tion precipe kontraŭ la malplimultoj, kiaj ĉiam ekzistas en la socia vivo, kaj al kiuj la homaro dankas multajn valorajn ideojn. Sen la respekto al la malplimultoj ne ekzistas vera paco. La ĉefa praktika regulo: la lernejo ne nur preparas al la vivo, sed ĝi prezentas la vivon mem. La memregado limiĝu al la aferoj, kiujn la lernanto povas kompreni kaj por kiuj li povas akcepti la respondecon. Didaktiko kaj metodo estas aferoj fremdaj al li. La lernejo ludu la rolon de konsilanto kaj kontrolanto. La kluboj en de la lernantoj karakterizu absoluta libereco. Ĉe bona gvidado tiuj kluboj akiros gravecon, kreos utilajn tradiciojn kaj liveros profiton al la lernantoj mem kaj al la lernejoj.

D-ro *Paul Dengler,* direktoro de Amerika Instituto en Wien, (en germana lingvo, tradukis R. Kreuz) pri la sama temo.

Leibniz diris: „Cedu al mi la edukon kaj mi ŝanĝos en unu jarcento la fizionomion de Eŭropo." Sed nun temas pri pli grava afero: ŝanĝi la fizionomion de la tuta mondo. Se la fizionomio respegulu pacon, tiam ni devas prepari ĝin jam en la lernejo sur bazo de reciproka fido.

En ni ankoraŭ tro vivas la okazintaĵoj de hieraŭ kaj hodiaŭ, sed nia junularo devas pensi pri la morgaŭo. Temas pri tio, ĉu nia vivo estu pura kaj ideala aŭ venenita. Estas la tasko de la instruistoj, prepari la kampon. Ĝis nun oni juĝas la elementan lernejon kiel la plej taŭgan por la pac-eduko. La paroladanto tamen deziras doni superpezon al la mez-lernejo. La junulo eniras ĝin kiel infano kaj forlasas ĝin kiel plenformita homo por eniri en sian elektitan pretan sferon. Pro tio ni devas ĉefe labori en tiu ĉi kategorio de lernejoj, por eduki gvidantojn, ĝis nun la mezlernejo ne servis al tiu celo, kiel pruvis la milito. Tamen la perspektivoj en ĝi estas favoraj. La ĝisnuna sistemo de internato donis vicon da eblecoj de karakterformigo, sed ne en spirito de paco. La „lernejo de parkerado" tute ne okupis sin pri tio, sed simple peradis mekanike ampleksan scion. La estonta formo devas esti dispartigata en du partojn: en la dumtagan lernejon de instruado kaj en la konvikton aŭ duoninternaton. Ambaŭ servos unuflanke al la individuo, aliflanke al la socio. La lernantoj devas fariĝi memstara organismo, konsistanta el ĉeloj. Tiu sistemo venanta el Ameriko helpas al formado de lernkomuneco. Oni ankaŭ kreis lernejajn konsilantarojn, konsistantajn el gepatroj, instruistoj kaj lernantoj. Sed mankis sintezo de tiuj tri grupoj. Oni okupis sin pri la unuopulo anstataŭ pri la tuta grupo. Kiu devas esti la bazo? Se oni kunigas unue individuojn kaj poste grupojn, elkreskas komuneco, kaj trans hejmo, lando kaj popolo formiĝas poste organismo kun universalema tendenco.

Kondukataj de necesa gvidideo la grupoj iom post iom evoluiĝos, la infanoj mem trovos kaj metos la ĝustajn personojn al la taŭgaj lokoj, elkonstruos la diversajn funkciojn de la komuneca vivo. Necesas, ke malantaŭe staru nevideble gvidanto kun

forta mano. Flanke de la lernantaj komunecoj devas troviĝi komunecoj de instruistoj. Taŭga persono devas esti la estro, lia spirito, lia forto devas peli la komunan konstruadon kaj de individuo transiĝi al la tuto. Ĝis nun neniu okupis sin pri tio, kio okazas antaŭe aŭ okazos poste. Oni devas labori individue kaj juĝi laŭ la animo.

La lasta grupo estas la ĉelo de l' gepatroj. La ĝisnuna sistemo de l' internato eksigas la gepatrojn kaj forprenas aparte la virinan influon. Ne devas esti asocio de gepatroj, kiuj simple kunvenas por vidi antaŭ si laŭdire interesajn faktojn, sed kiu mem kunformas en komuneco kun elektita gvidanto. La grupoj devas formi laŭ la diversaj personoj kaj per tio konstrui grandon el malgrando. Per unueco oni atingas pacon. Se grupoj en lernejoj interpacas, tiu influo ne povas esti sen efiko al la infanoj, kiuj konservas poste la senton de komuneco kaj tiamaniere idee preparas sin por interhoma paco. Tiu ĉi sistemo donas plej bonan bazon. Estas longa vojo, sed la nuna generacio devas kunhelpi, ĝi estas laca je teorio kaj postulas konkreton.

La paroladanto formis tiajn ĉelojn el dektri-jaraj infanoj en Aŭstrio. La ĉeloj ampleksis ĉion, de instruado ĝis elekto de l' instrua materialo. La laboro en la instruista ĉelo kondukis al tio, ke li nun havas instruistojn, kiuj nepre laboras kun li, kaj ne kontraŭ li. La komuneco de l' gepatroj apartenas al ĉiuj klasoj kaj socioj de plej konservativaj homoj ĝis plej radikalaj. La kunagado en la ĉelo tamen formis superan neŭtralecon kaj montras vere fidelan kunagadon. Ses pluaj ĉeloj estas starigitaj kaj la efiko de la laboro ne estas duba. Tia kunlaboro en reciproka fido en si mem enhavas la tolereman spiriton de l' paco kaj edukos nekontesteble al plifortigo de ideo pri necesa universala paco. Ĉiuj povas atingi la samon, se ili volas. Nur unu problemo tamen leviĝas. Ne temas pri la gepatroj, kiujn oni ne bezonas timi; ne temas pri la infanoj, molaj kiel vakso, sed pri la instruistoj. Ilia preparado devas esti aparte konsiderata kaj oni devas komenci tie, kie oni formas ilin: en la universitato. Se tiel oni preparas la instruistojn de l' komenco kaj kreas agordon en la kunlaboro kun gepatroj kaj infanoj, grade kaj sisteme enradikiĝas la paca idealo en la animo de ĉiuj.

S-ino *Radlinska,* Varsovio, (en pola lingvo, trad. en Esperanto) pri „Internacia kooperado kaj interŝanĝo de lernomaterialo".

Por atingi pacon ne sufiĉas alvoki pri ĝi kaj mallaŭdi la terurajojn de la milito. La esenca estas doni al la infanoj pozitivajn ideojn, kiuj estas el ilia sango kaj karno, kaj kiuj realigitaj de ili mem, alproksimigas la efektivigon de la celita paco. Estas necese, ĉerpi el la rimedoj de la vivo. Ni devas demandi du punktojn: Kiaj dinamikaj fortoj laboras por la preparo de l' pac-ideo? kiamaniere eniras en la naciojn la sento de frateco? Unuavice la scienco kaj tekniko ludas tre gravan rolon. La telegrafio senfadena faris pli por la ideo de l' paco ol ĉia pacifista propagando. La infano ie auskultanta la vortojn de eksterlando, ricevas kontakton kun malproksimaj landoj, en kio naskiĝas iom post iom simpatio al ili. Por ami sin necesas koni unu la alian. Por koni sin reciproke necesas interesiĝi pri la vivo ĉirkaŭ si. Oni jam lernis alkutimiĝi instrui sin kaj imiti aliajn. La lernejo devas iri la saman vojon. Flanke de la agado de la komisiono internacia de intelektaj laboristoj oni devas organizi la verkon de intelekta interhelpo de infanoj en lernejoj per interŝanĝo de lernomaterialo, kio estas treege grava. Ĝuste ĝi perados taŭgajn sciojn pri ĉio, kio estas ekster ni. Tiel infanoj de Usono povas konatiĝi kun la aspekto de Polujo. Kaj la montarlernejoj de Svedujo povas konatiĝi kun la karakterizaĵoj de landoj plenaj de suno kaj varmo. Ĝis nun la lernejoj havas grandajn malfacilaĵojn havigi al si tian taŭgan materialon. La interŝanĝo de materialo de instruado kaj intuicio treege faciligas la tutan situacion. Kia efiko estas, se la infanoj povas formi al si opinion per taŭgaj originalaĵoj. Postrestos viva kaj agrabla impreso kaj formiĝas objektiva kaj favora opinio pri ĉio fremda. La ideo de humaneco pligrandiĝos, ĉar ĝin nutras la kerno kaj sango mem. Kiel lasta efiko kreiĝos per tiu ĉi agado sento de internacia solidareco.

La paroladintino proponas, ke la Internacia Oficejo pri Edukado publikigu la rezultatojn de sia enketo pri la materialo aŭtodidakta, organizu specialan kurson sur bazo psikologia kaj scienca por instruo de la tekniko kaj uzado de tia materialo. Ŝi proponas organizon de ekspozicioj kaj faciligon de internacia interŝanĝo kunlabore kun aliaj internaciaj societoj. Nur komencante la efektivigon de tiuj proponoj, la plenumantoj jam malfermas novan epokon de la internacia vivo.

D-ro *Fr. Šmakal,* direktoro de la Ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco Junulara, (en franca lingvo, trad. en Esperanto) pri „Interlerneja korespondado. Spertoj de la Ruĝaj Krucoj."

El la vidpukto de la internacia pacigo estas la laboro de la Junulara Ruĝa Kruco treege grava. La internacia korespondado de la ruĝkruca junularo estas praktika vojo al vera humaneco kaj per ĝi la junuloj estas edukataj por fariĝi bonaj anoj de sia patrolando kaj same bonaj civitanoj de la tuta mondo. La gravecon de tiu korespondado ilustras la fakto, ke nuntempe estas en ĝi organizitaj proksimume 10 milionoj da gejunuloj, pretaj al reciproka servado. La organizon de la korespondado kompletigas agoj de interhelpo, ekzemple Kristnasko-donacoj de amerikaj infanoj, subtenado al rusaj kaj japanaj infanoj ktp. La korespondado estas kolektiva. Tuta klaso kunmetas albumojn en sia gepatra lingvo kaj centro prizorgas la tradukon en la lingvon de la ricevonto. Por tiu celo estas starigataj specialaj oficejoj. La internacia centro troviĝas en Parizo. Dum la lastaj kvin jaroj la ĉeĥa junularo de la Ruĝa Kruco interŝanĝis 1300 sendaĵojn kun 30 fremdaj landoj. La interŝanĝadon partoprenas entute 301 klasoj el 277 lernejoj. Ĉiuj pedagogoj observintaj tiun korespondadon, inter kiuj precipe S-ro Duvillard konstatis, ke ĝi estas grava pliriĉigo de la lerneja praktiko, kaj valora edukilo al interpopola kompreno. La teknikan flankon de la korespondado klarigas speciala filmo, prezentota al la konferenco. En la kongresejo estas instalita vasta ekzpozicio, detale ilustranta la fazojn de la interlerneja korespondado kaj pruvanta ĝiajn klerigajn kaj edukajn efikojn. Raportanto proponas rezolucion por atentigi ĉiujn lernejojn pri tiu ĉi valora rimedo por la riĉigo de la lerneja vivo kaj eduko al paco.

S-ino *Julia Isbrücker,* oficiala reprezentantino de la Nederlanda Ruĝa Kruco, (en Esperanto) gratulas la konferencon kaj la Parizan Internacian Centron de la Junulara Ruĝa Kruco pro ĝia admirinda laboro praktika.

S-ro *Garnier,* inspektoro de duagrada instruado, Paris, gvidanto de la Pariza Centra Oficejo por interlerneja korespondado fremdlingva, (en franca lingvo, trad. en Esperanto).

Informas pri la fondo kaj postmilita rekomenco de la korespond-organiza laboro en riĉe dokumentata interesa raporto. La Pariza Centro ĉiujare dufoje dissendas siajn cirkulerojn kaj varbolistojn por la interlerneja korespondado. Laŭ la detale indikitaj deziroj la centro efektivigas la internaciajn interligojn laŭ sistemo de vica aranĝo, unue en la gepatra lingvo, poste en lingvoj fremdaj. Oni atentu, ke la korespondado ne estu simpla klasekzerco, sed enkonduku eksterajn ideojn kaj alportu spiritan kaj moralan utilon en formo alloga kaj instiganta al aktiveco. La rezultatoj ne estas absolutaj, sed diversaj, tamen post okjara spertado praviĝas nepra optimismo. La korespondemo estas kuraĝigata ankaŭ per premioj libraj disponitaj de diversaj eldonistoj. Raportanto kiel lernej-inspektoro havas bonan okazon por la rekta kontrolado kaj konstatas, ke per tiu agado oni iom post iom riparas grandajn malutilojn de la milito, kaj kvankam ne klopodas elradikigi la batalan instinkton el la infana animo, ĉar tio estas nek bona nek ebla, tamen sukcesas alivojigi tiun instinkton al pozitivaj celoj de propra kleriĝo kaj tutmonda interhelpado.

S-ro *Walter Hahn*, estro de lernejo, Dresden, (en Esperanto) pri „Infankorespondado per Esperanto".

Raportas pri la rimarkindaj sukcesoj de la infankorespondado per Esperanto. En 68 urboj kaj vilaĝoj en Saksujo Esperanto estas parte devige, parte fakultative instruata. S-ro Hahn mem instruas Esperanton depost 18 jaroj, delonge eksperimentis en la kampo de infankorespondado per Esperanto. El sia praktiko li povas konstati, ke la Esperanto-korespondado de infanoj estas la plej valora maniero por vastigi la infanan horizonton, levi ĝian klerecon kaj eduki al la konscio de tuthomara solidareco. Liaj lernantoj korespondis kun Britlando, Nederlando, Polujo, Svedujo, Ameriko kaj eĉ Aŭstralio. Post nelonge la infanoj treege deziris kaj ŝatis tiun korespondadon. Ili interŝanĝis leterojn por konversacii pri simplaj temoj, poste pri festoj kaj gravaj okazintaĵoj, pli poste ili interŝanĝis desegnaĵojn, teatraĵojn, eĉ poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kaj diversaj lerniloj kompreneble ne mankis. La instruisto direktas la aferon nerimarkeble. Li kaŭzas demandojn de historio kaj geografio kaj uzas la ricevitan respondon en la instruado. Dua speco de korespondado estas la letera interŝanĝo de infanoj kun alilandaj instruistoj. Ankaŭ en tiu ĉi kampo la sukceso estas treege granda.

Efiko de la korespondado de la infanoj estis, ke ili ekkonis, ke ankaŭ en fremdlando loĝas homoj, kiuj, kiel iliaj gepatroj amas siajn gefilojn, infanoj, kiuj amas siajn gepatrojn, personoj, kiuj havas la samajn ĝojojn kaj dolorojn, samajn zorgon kaj deziron. La ĉefa utilo kaj allogo estis, ke la korespondado per Esperanto estis rekta, individua kaj ĝojiga pro la ricevo kaj posedo de la sendaĵoj.

Liaj esperantaj klasoj ricevis centojn da leteroj kaj ankaŭ nun la korespondado havas tre atentindan amplekson. Estas tre rimarkinde vidi la influon de tia korespondado al porpaca eduko, precipe por la konsciigo pri la paciga efiko de samlingveco. Aparte menciinda estas la intereso, kiun la gepatroj de la korespondantaj infanoj montras al tiu interŝanĝo. Tiamaniere ekestas la granda fakto, ke la infanoj nerekte instruas kaj edukas la gepatrojn, kiuj observas, sekvas kaj eĉ partoprenas ĝin. En Saksujo oni starigis specialan Internacian Lernejan Servon por la instigado kaj organizo de la korespondado. Li rekomendas starigi tiajn oficejojn en ĉiuj landoj. La fiel akiritaj impresoj restos por la tuta vivo kaj pri ilia transforma efiko en la infana animo pruvu la jena verseto verkita de dekdu-jara lernanto lia:

Por ke hejmlandon vi komprenu  
Al fremdaj landoj vi alvenu!  
Verdaĵo sama kovras tie  
Germanan, francan teron, ĉie,  
Kaj ondoj de la samaj maroj  
La bordojn kisas de miljaroj.  
Ĉu nur la homoj malpacemaj  
Ne povas esti kunsentemaj?  
Ho, baldaŭ venku la kompreno,  
Ke paco estas vera beno!

Post la raporto akceptita kun granda aplaŭdo, prezidanto prof. *Bovet* dankas la raportinton por la aparte rimarkindaj rezultatoj kaj esperas, ke la laboron de la Ruĝa Kruco oni utile kompletigos per la aplikado de Esperanto en la interlerneja korespondado.

S-ro *Georges Delanoue*, Paris, prezentas (en Esperanto) raporton pri la „Ligoj por Bonago". Tiuj ligoj estas fonditaj en 1911 kaj ricevis aprobon de la Internaciaj Kongresoj por Morala Edukado en Den Haag (1912) kaj en Genève (1922). En ili oni instruas la infanojn ĉiutage fari almenaŭ unu bonagon kaj ĝenerale: ĉiaokaze bonintence agi, forpeli mensogon, protekti la malfortulojn, helpi al la malriĉuloj, respekti la maljunulojn kaj la invalidojn, esti ĝentila kun siaj samuloj, esti kompata al la bestoj. Per tia sindona ĉiusemajna laboro iliaj junaj anoj preparos novan generacion, kiu estas plej taŭga por internacia korespondado kaj, pli kaj pli ĝuste, komprenos la vivon por la paco.

S-ro *Tracy Strong* (Ameriko), reprezentanto de Y. M. C. A., Genève, (en angla lingvo, trad. en Esperanto) pri „Internaciaj kampadoj".

Raportanto alportas vivajn eksperimentojn el du internaciaj kampadoj de knaboj, organizitaj lastajare en Vaumarcus (Svislando) kaj Helsinki, partoprenita de 19 respektive 28 nacioj. Parto de la knaboj estis azianoj, inter kiuj pluraj ĉinoj, kaj negroj. La kampado abundis en la plej interesaj kaj edifaj travivaĵoj de frata kunesto, pri kio la partoprenintoj faris kortuŝajn raportojn. Precipe impresiga estis, ke blankuloj kaj nigruloj dormis en la sama ĉambro, junuloj de plej diversaj pensmanieroj kaj edukoj rekte diskutis, kaj tiu kunesto tute transformis iliajn ideojn kaj pensadon. Unu el la partoprenintoj konfesis, ke la kampado donis al li semon de nova mondrigardo. En Kanado formiĝis parlamento de knaboj por subvencii partoprenontojn kaj cento da knaboj pagis la vojaĝon de ses personoj. La kampado plej bone kontentigas la dezirojn de junuloj, ĉar ili volas havi realaĵojn anstataŭ nura prediko kaj teorio. Venontjare okazos du kampoj, unu en Anglujo, alia en Hungario. Varme rekomendas tiun institucion, ĉar ĝi edukas al la flankenlaso de la malgrandaĵoj kaj ekpenso pri la ĝeneralaj komunaj interesoj de la homaro.

S-ro *Barden*, Ameriko, (en angla lingvo, trad. en Esp.) raportas pri du kampoj de knaboj 12- ĝis 18-jaraj en Ĉeĥoslovakio. Partoprenis kvar nacioj: ĉeĥoj, slovakoj, germanoj kaj hungaroj, organizitaj kiel etaj respublikoj. Okazis rimarkinda epizodo, ke grupo de ok germanaj knaboj preferis apartigi sian tendon de la aliaj nacioj, sed post kelktaga izoleco esprimis la deziron reveni al la internacia komuneco. La kampantaj knaboj en la trapasitaj vilaĝoj kaj urbetoj prezentis al la loĝantaro siajn naciajn kantojn kaj kutimojn, akceptite kun multa plaĉo.

Fino de la kunsido 12.30 h.

* * *

## Laboro de l' komisionoj

Posttagmeze je la 3-a h. komenciĝis la laboro de specialaj komisionoj laŭ la jena dispartigo:

Sekcio A: Psikologio, sub la gvidado de prof. Bovet kaj D-ro Příhoda;

Sekcio B: Instruado, lernolibroj, prezidas D-ro Kamaryt kaj prof. Ogoun;

Sekcio C: Edukado, prof. Bovet;

Sekcio D: Interlerneja korespondado nacilingva, S-roj Garnier kaj Milsom;

Sekcio E: Korespondado per Esperanto, D-ro Privat kaj S-ino Isbrücker.

La sekcioj dum duhora kunsido pridiskutis kaj preparis la rezoluciojn proponotajn de la diversaj raportintoj al la konferenco, post kio la konferencanaro rigardis tre interesan filmon pri la laboro de la Ruĝa Kruco.

* * *

## *Kvara laborkunsido*

**Merkredon, 20 Aprilo 1927, en la Filozofia Fakultato de la Universitato.**

**Malfermo 9.15 h.**

**Prezidanto prof. *Bovet* post malfermo de la kunsido prezentas la tekstojn de rezolucioj proponitaj kaj en la sekcioj jam detale pritraktitaj por voĉdono.**

*Deklaro de la Interkonsenta Komitato de Grandaj Internaciaj Asocioj de la 18 Marto 1926, dokumento C (Parizo):*

„Enradikigi la infanon en sia natura medio, tio estas en sia familio kaj lando, tio restas hodiaŭ kiel antaŭe la unua principo de ĉia sana eduko.

Tio estas konstanta neceso, sed eble pli frapa nun, post la granda skuego, kiu trafis la tutan homaron, kiu rompis multajn malnovajn kutimojn kaj postlasis tiom da konfuzigaj elementoj, tiel en la spiritoj, kiel en la afoj.

Samtempe por sia propra ekvilibro kiel por ĝenerala bono, la infano — estonta civitano — devas esti edukata laŭ principo de devo sciiĝi, ke ĝi devos virece plenumi sian devon al sia familio, siaj kamaradoj, sia vilaĝo aŭ urbo, kaj sia lando. Plue oni montros al ĝi, ke tiu necesa solidareco ne povas kaj ne devas halti ĉe naciaj limoj, ĉar inter la diversaj popoloj, kiel inter la diversaj membroj de unusama socio, ekzistas komunaj rajtoj kaj devoj, same kiel fakta interdependo ĉiam pli grandiĝanta.

La infano devas sciiĝi, ke civilizeco estas kaj restas komuna produkto de ĉiuj popoloj, inkluzive tiuj, kiujn historio plej akre kontraŭstarigis; kaj ke, el sento de tiu komuneco, el la deziro ĝin konstantigi kaj plifortigi malgraŭ la neeviteblaj diferencoj, naskiĝis la Ligo de Nacioj.

Do, de la infanaĝo kaj de l' komenco de komuna edukado, en la lernejo kaj en la organizaĵoj, kiuj kompletigas la lernejan ellaboraĵon, konvenas instrui al infano ĝentilecon al fremduloj kaj veki en ĝi la deziron koni iliajn kutimojn, kompreni iliajn lingvon kaj penson.

La instruisto trovos valorajn helpantojn en legolibroj, lumbildoj, filmoj, bildoj ktp. por vivigi laŭ tiu spirito instruadon de geografio, de literaturo, de sciencoj kaj artoj.

Enketoj devas esti entreprenataj por pleje efikigi tiujn diversajn pedagogiajn rimedojn kaj adapti ilin al progresaj bezonoj de elementa kaj de supera instruo.

Estas same oportune kiel eble pleje interrilatigi la junularon de ĉiu lando kun tiu de aliaj landoj, per ĉiaj rimedoj, kiel eksterlandaj vojaĝoj, studaj restadoj, tendaroj, interŝanĝo de leteroj, desegnaĵoj, manlaboraĵoj ktp.

Tiuj internaciaj interŝanĝoj, kompletigitaj, plivastigitaj je ĉiuj gradoj kaj ĉiaj instruaj fakoj per rilatoj inter lernantoj, junaj methelpantoj, studentoj, profesoroj, taŭgas por direkti la junularon al metodoj de intelekta kooperado kaj faciligi la laboron de la Ligo de Nacioj.

Preparante reciprokan interkoniĝon kaj -komprenon de l' popoloj, eduko (familia, lerneja kaj eksterlerneja) kaj instruo (literatura kaj scienca, teknika kaj profesia) helpos al starigo de paco."

Unuvoĉe aprobata.

*

### Rezoluciaro

La konferenco „Paco per lernejo" kunvenanta en Praha, la 16—20 Aprilo 1927 laŭ iniciato de la Internacia Oficejo de Edukado en Geneve

konstatas kun ĝojo la kreskantan atenton, kiu estas dediĉata al la celo, kiun esprimas ĝia titolo, de nombro pli kaj pli grandiĝanta de individuoj kaj komunecoj de ĉiuj partioj kaj klasoj de l' socio, inter kiu troviĝas aliĝantoj de ĉiuj opinioj filozofiaj kaj religiaj:

infanoj kaj plenkreskuloj izolitaj aŭ grupigitaj en diversaj ligoj en kaj ekster la lernejo: Ruĝa Kruco de la Junularo, Kristana Unio de Gejunularo, Ligo de Bonfaro, Junulara Movado diversspeca, ktp. ktp. — Studentoj, gepatroj, instruistoj de ĉiuj instrugradoj, lernejo-direktoroj kaj diversaj lernejaj aŭtoritatoj, registaroj kaj la Ligo de Nacioj mem reprezentita de sia permanenta organismo: La sekretariejo, la Internacia Labor-Oficejo, la Instituto de Intelekta Kooperado.

Ĝi salutas tute speciale kun ĝojo post starigo de Internacia Oficejo de Mezlerneja Instruado la starigon de Internacia Federacio de l' instruistaro kunvenanta mem samtempe en Londono.

Feliĉa pro la akcelo, kiun alportas al ĝi la reprezentantoj de publika aŭtoritato, ĝi restas impresita pri la granda graveco de la privata iniciatemo. Nenies kunhelpo devas esti ignorata. Kontraŭe, estas necese kunigi ĉiujn klopodojn kaj multobligi la kontakt-punktojn, kiujn klopodis starigi la komitato de l' alianco de Grandaj Asocioj kaj la Internacia Oficejo de Edukado mem, kiujn la konferenco rekomendas al la atento de l' publika aŭtoritato kaj de la edukistaro.

*

La konferenco aprobas la deklaracion komune ellaboritan de la grandaj asocioj. Ĝi kredas, ke ne devas ekzisti opozicio inter la amo de ĉiu al sia patrolando kaj la amo al ĉiuj kaj de ĉiu al la homaro, sed ĝi pensas, ke la patriotismo de l' plimulto de l' infanoj kaj instruistoj en ĉiuj landoj povas esti levata kaj purigata kaj ke tio estas unu el la plej belaj taskoj de lernejo.

La edukado ne povos limiĝi simple encerbigi al la infano ideojn pretajn kaj sciojn. Ĝi antaŭvidas la integran disvolvigon de memstaraj personoj. La edukado por la paco tiamaniere ampleksas ankaŭ la problemon de la edukado entute.

Ĝi devas dediĉi tute specialan atenton al la elementa lernejo, ĉar ĝi estas la lernejo de ĉiuj, al la supera lernejo, ĉar ĝi formas la eliton de l' direktantoj, al la seminario, ĉar ili kreas la instruistojn.

La progreso de l' publika edukado en senco de lernejo aktiva kaj vivanta, en kiu kunlaboras lernantoj, instruistaro kaj gepatroj, kie la infanoj estas kondukataj al la respondeco de la aŭtonomio, instigas la lernejan edukadon aldoni al la edukado morala kaj civitana la edukadon homaranan. La ekzemploj cititaj en la konferenco pri tio, kio jam estis farita en Aŭstrio, Brazilio kaj Kimrujo ekz., montras, kion oni povas atingi per akorda klopodado de l' profesoraro, instruistaro kaj aŭtoritatoj.

Ĉiuj branĉoj de l' instruado povas partopreni al tiu renovigo en senco de konstrua spirito. La ideo de l' paco kaj de l' kooperado de la popoloj povas sambone penetri en la instruadon de l' scienco de fiziko kaj naturo, kaj — kun prefero de la tekstoj de kulturo al la tekstoj militistaj — en la instruadon de antikvaj lingvoj, de moderna literaturo, de geografio kaj de historio.

En la preparado de la instruistaro kapabla gvidadi la infanojn al la memregado kaj al pli bona kompreno de aliaj, la psikologio — precipe tiu de l' infano pri tio, kion ĝi sentas kaj kion ĝi volas, — devas okupi gravan lokon.

Estas necese akceli kaj favorigi la lastatempe entreprenitajn enketojn metodajn pri la sinteno de l' infana spirito al la internaciaj problemoj, pri la origino de iliaj antaŭjuĝoj naciaj kaj rasaj.

Sed konvenas rekomendi plej grandan singardon al la konkludoj foje tiritaj el eksperimentaj ekstudoj pri relativa inteligenteco de diversaj gentoj kaj rasoj, ĉar pluraj el la faritaj enketoj okazis en medioj, kie inversa elekto aŭ dulingveco povis influi.

La lernolibroj okupas hodiaŭ tre konsiderindan lokon en la instruado. Ili faras grandan influon al la infano. Estas nepre necese, ke ili estu trapenetritaj de l' spirito de kooperado interpopola.

La konferenco salutas kun ĝojo la kreskantan atenton, kiun oni dediĉas al tiu ĉi problemo, kiu antaŭ kvin jaroj estis elmontrita de la tria Kongreso de Morala Edukado speciale pri la lernolibroj de historio kaj gratulas por la jam atingitaj rezultatoj. Ĝi opinias, ke estas necese daŭrigi tiun ĉi klopodadon en senco konstrua.

La malsamaj kondiĉoj en la diversaj landoj malhelpas la fiksadon de firmaj normoj, laŭ kiuj oni devus procedi, sed ĝi bondeziras la grupiĝojn profesiajn de l' instruistaro pro ilia iniciato pri tiu ĉi problemo kaj la jam atingitaj sukcesoj.

Ĝi ĝoje salutas la starigon de internacia komitato de l' sciencoj de historio kaj ĝiajn projektojn en tiu ĉi sfero.

Kun kontenteco ĝi prenas noton pri la rezultatoj de la kunveno de Alianco de Praktika Kristanismo en Bern kaj aprobas laŭ ilia spirito kaj ĝenerala tekstado la normojn elmontritajn de tiu ĉi kunveno pri la redaktado de lernolibroj de historio.

La konferenco salutas tion, kio jam estas farita por multobligi la kontakton inter instruistoj kaj lernantoj en diversaj landoj:

Lerneja Korespondado internacia en vivantaj lingvoj.
Korespondado de la Ruĝa Kruco de Junularo.
Lerneja Korespondado en Esperanto.
Restado en eksterlando, per interŝanĝo, aŭ aliamaniere, de lernantoj kaj de instruistoj.
Restadejoj por studentoj (studento-hejmoj).
Internaciaj kampoj (tendejoj).
Diversaj paroladoj.

Ĝi bondeziras la disvolviĝon de ĉio tio.

La konferenco konstatas la rimarkindajn rezultatojn moralajn, kiujn oni atingis ĉe infanoj de ĉiuj landoj de l' elementa lernejo per la tiel facila studado de Esperanto kaj de la korespondado en tiu ĉi helplingvo, jam instruita en granda nombro de lernejoj diverslandaj. Ĝi esprimas la deziron, ke la instru-aŭtoritatoj kaj la asocioj de la instruantaro, akcelu kaj faciligu al la junaj instruistoj la studon de Esperanto kaj ĝian instruon al iliaj infanoj, kiel unu el la plej rimedoj por disvolvigi la sentojn de solidareco homara kaj de internacia interkompreno.

La konferenco rimarkas kun simpatio la ideon disvolvigi inter la lernejoj de diversaj landoj la interŝanĝon de dokumentoj kaj objektoj, kiuj povas servi al la instruado kaj rekomendas ĝin por atento al la Internacia Oficejo de Edukado.

Parolante al la junularo pri la Ligo de Nacioj oni montros al ĝi, ke ĝiaj verko kaj celoj kontribuas al la preteco kaj la konsolidigo de tri pac-bazoj: bazo politika, bazo ekonomia, bazo socia. Tiu ĉi studo necesigas ankaŭ la scion pri la memstaraj organizoj de la Ligo de Nacioj kaj precipe pri la Internacia Labora Oficejo.

Por ke oni povu doni tiun ĉi instruadon, la konferenco esprimas la deziron konforman al tiu de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado, ke la instruistoj ĉiulandaj ricevu instruadon kiel plej eble larĝan kaj kompletan pri la problemo de l' paco.

La instruado pri la paco kaj la Ligo de Nacioj tamen por ili ne estas nova branĉo aldonota por la programo.

. . . Ofte ekstera paroladanto faros pli da impreso al la infanoj kiel ordinara leciono.

La internacia kooperado estas nova vidpunkto, al kiu havi sintenon, ni devas alkutimiĝi, nova spirito, de kiu inspiri nin, estas nia devo.

La rezoluciaro estas unuvoĉe kun granda aplaŭdo aprobata.

*

D-ro *Reimann*, prezidanto de la Unuiĝo de Germanaj Instruantoj de Historio, Berlin, demandas pri la maniero de procedo en okazo de konkretaj plendoj kontraŭ certaj lernolibroj.

D-ro *Lipacevič*, pola parlamentano, F-ino *Šupichová* kaj D-ro *Czubrinski* Varsovio, proponas starigi komitatojn elektitajn el la koncernaj landoj, kiuj rekte diskutu la plendojn, kiel tion jam sukcese faras pol-germanaj kunaj komitatoj senpere interrilatantaj. Prof. *Bovet* konigas la diversajn vojojn por solvi tiajn demandojn.

D-ro *Privat*, prezidinto de la sekcio pri interlerneja korespondado, detale raportas pri la laboro de tiu komisiono kaj prezentas ĝiajn rezoluciojn, kiuj estas unuanime aprobataj.

Je la propono de direktoro *Fridrich*, Brno, oni decidas kompletigi la rezoluciaron per mencio pri hejmoj (noktejoj) por vojaĝantaj studentoj, petante turistajn societojn por prizorgi tiun bezonon.

D-ro *Privat* esprimas dankon al la kunvokinto de la konferenco, la Internacia Eduka Oficejo en Genève, klarigas ĝian gravecon por atingi la fiksitajn celojn de la konferenco kaj direktas al la ĉeestantoj varman alvokon por aliĝi kaj ĝin subteni.

S-ro *Starr*, Londono, raportas pri enketoj pri ŝovinismo faritaj en lasta tempo en britaj lernejoj.

S-ino *Julia Isbrücker*, Hago, Dir. *Novljan*, Zagreb, S-ro *P. Andreo Ĉe*, Transilvanio, F-ino *Šupichová*, Praha, D-ro *Veitz*, Praha, laŭvice esprimas varman dankon al la senlaca prezidanto, modela gvidanto de la konferenco, Prof. Bovet, al la organiza komitato kaj estraro de la konferenco, kaj al la urbestraro kaj publiko de Praha pro la akcepto kaj laciga laboro, kies frukto estis tiu ĉi unike sukcesinta konferenco.

Fine Prof. *Bovet* dankas al ĉiuj, kiuj sukcesigis la konferencon, aparte al prezidanto Masaryk kaj ministroj Beneŝ kaj Hodža pro la alta honoro donita, kaj ne malpli al la interpretintoj pro ilia modela kunlaboro.

Fino je 11.25 h.

* * *

## Diversaj aranĝoj

Ekster la labora parto de la konferenco okazis la jenaj aranĝoj, parte por la distro de la konferencanoj, parte por la informado de la publiko de Praha pri la laboro de la konferenco:

Sabate, 16 Aprilo, je la 11 h., en la ĉeĥoslovaka parlamento okazis solena kunveno de la Ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco por proklamo de l' paco. La tre imponan solenaĵon partoprenis ankaŭ la konferencanaro.

La saman tagon vespere la Esperanto-kluboj de Praha aranĝis amikan akceptan vesperon en la studentina pensiono „Budeč" kun riĉa arta programo.

Dimanĉe vespere en la studenta domo okazis la oficiala akcepto de la konferenco en solenaj kadroj. Post salutaj paroladoj de la organizantoj kaj eksterlandaj gastoj admirindaj kantoj de la ĥoro de lernejo Bakule ĉarmis la publikon dum la horoj de l' agrabla kunesto.

Lundon vespere kaj mardon vespere oni aranĝis publikajn kunvenojn por la publiko de Praha, en kiuj oni konigis la celojn kaj rezultojn de la konferenco. Prof. Casimir, Hago, S-ino Wurmová, Brno, S-ro J. Hendrich, Praha, kaj verkisto Přemysl Pitter, Praha (anstataŭ S-ino Pavla Moudrá, bedaŭrinde trafita de akcidento dum la konferenco), en valoraj paroladoj informis la publikon pri interesaj temoj, ligitaj al la paceduka problemo.

Merkrede posttagmeze la oficialaj reprezentantoj ĉeestis afablan akcepton de la Společenský Klub (klubo de la alta societo de Praha). La akcepton ankaŭ partoprenis ministro Beneŝ kaj pluraj eminentuloj de la ĉeĥoslovaka socia vivo.

Pri ebleco trarigardi kaj ĝui la riĉan vidindaĵaron de la urbo Praha zorgis specialaj tramvagonoj, afable disponitaj senpage de la Elektra Kompanio.



## GEOGRAFIO



# Wien kaj Malsupra Aŭstrio

De *Ernst Descey*, tradukis *Franz Zwach*



Ernst Descey estas unu el la plej ŝatataj nunaj verkistoj, sukcesplena aŭtoro de belaj romanoj, noveloj kaj teatraĵoj.

Certe ekzistas Viena feliĉego, kiu blovas kun la ventoj aŭ gutas el la nuboj, fontiĝas el la tero aŭ ridas el la okuloj kaj atakas la fremdulon kiel aliloke la malario aŭ la enuo. Kiu havas orelon por subtonoj, aŭdas vibradi ĝin el malnova letero, kiu estis skribita el Wien al Germanujo: „Ekde la unua momento mi amis Wien ... estas unika urbo ... la vorto de la popolkanto: ... estas nur unu Wien! havas daŭran veron ... estas Dia nesto, kaj tie vagadi plezuro ...“



*Urbdomo.*
Sur la pinto de la turo (100 m) staras la „Eiserne Rathausmann“ (fera urbdomviro). La altaj fenestroj en la mezo apartenas al la festsalonego, kiu estas unu el la plej belaj kaj plej grandaj gotikaj salonegoj de la mondo.

Preskaŭ sepdek jarojn aĝa estas ĉi tiu feliĉego, *Peter Cornelius*, kiu ĝin skribis, longtempe mortinta, la Bastion-belegaĵo, sur kiu la Mainza muzikisto promenadis, malaperis, kaj tamen preskaŭ ĉiu vorto estas ankoraŭ vera: La unikeco de tiu urbo konserviĝis tra ĉiuj ŝanĝoj. El la iama „nesto“ fariĝis urbego, kiu laŭ la spaca etendiĝo superas ĉiujn aliajn urbojn de la eŭropa kontinento, kvankam ĝi ne atingas la nombron de ilia loĝantaro*).

Kaj ankoraŭ hodiaŭ meze en grandurba interkomunikado malnovaj barokkonstruaĵoj kaj intimaj pentrindaĵoj, kiel insuloj en la moderna domomaro, konservas la memoron pri la iamo, pri la „dia nesto“ de la antikvaj tempoj. Kun ili restis ĉarmo, kiu estas propra al neniu alia eŭropa urbo, kiel ĉiu sentas, kiu eksurpaŝas la korton de la „Landa domo“ en la Herrengasse, aŭ la palacon de la Princo Eugen en la Himmelpfortgasse aŭ la placon antaŭ la preĝejo de St. Karolo, ĉi tiu elŝtona soneto, aŭ la malnovajn stratetojn ĉirkaŭ la preĝejo „Maria am Gestade“, kiu — gotika mirindaĵo — elkreskis el malnova ligna kapelo por la Danub-ŝipistoj. Kaj tiaj lokoj ekzistas ankoraŭ multaj. Idiliaj hejmecaj, ridantaj kaj ĉiam: iel allogaj kaj ĉarmaj.

Ĉiutage veturas la granda societ-aŭtomobilo tra la urbo kaj rondvizitas kraksone siajn belaĵojn: la ringstrato, la opero, la Karol-preĝejo, la Belvedere, la Stefan-preĝejo, Schönbrunn. Ĉio estas prezentata al la fremdulo en kelkaj horoj; kompreneble li vidas ankaŭ la novajn kolonikonstruaĵojn de la komunumo, kiuj en la Vienan urbfizionomion portas modernan higienon kaj ĉarmon, sed oni povus almeti ankaŭ propran muzikan rondvojon. La specialan Vienan rondvojon. Mi kondukus la vizitantojn en la Karlsgasse: ĉi tie loĝis Johannes Brahms kaj ĉi tie li mortis; en la Wiedner Hauptstrasse: ĉi tie loĝis Gluck kaj tie pli supre Albert Lortzing, poste en la Johann Strauss-Gasse: ĉi tie vivis la majstro, ĉe kies ritmoj lamuloj saltetas kaj mortintoj ridas; en la Nussdorferstrasse en domon kun malnova hejmeca korto: ĉi tie naskiĝis la Viena kanto, nomata Franz Schubert; en la Schwarzspanierstrasse: ĉi tie loĝis la demonvenkinto kaj surda prikantanto de la ĝojo kaj ĉi tie li malviviĝis: Ludwig van Beethoven. En la Hessgasse: ĉi tie iu konstruis tonturojn, kiuj tuŝas la ĉielan sojlon: Anton Bruckner; kaj en la Kurrent-strateton post la preĝejo al la „Naŭ horoj de la anĝeloj“: ĉi tie kantis la ora buŝo de la muzikisto, Wolfgang Amadeus Mozart; kaj en la Schulerstrasse: ĉi tie, N-ro 8, li skribis la „Edziĝo de l' Figaro“, ĉi tie en la malnova, rava, mallumega Rokoko-domo. Poste mi kondukus vin en la Traut-

*) Wien enhavas nun pli ol 2 000 000 da enloĝantoj. Rimarko de l' tradukinto.

sohngasse, en la Probus-, en la Kahlenberggasse, senescepte stratoj de Beethoven, same kiel la Döblinger Hauptstrasse, kie la „Eroika", kiel la Ungargasse, kie la „Naŭa simfonio" finfariĝis.

Sed tio estas nur kelkaj punktoj de la sennombra triumfstrato de Wien kaj oni povus sekvigi al ĉi tiu muzika rondveturo ankoraŭ literaturan kaj skulptistan krom pentrista. Ĉar la urbo de ĉiam allogadis intelektulojn el ĉiuj regionoj. Oni do povus ekveturi al la domoj de la poetoj Anzengruber, Bauernfeld, Castelli, Konrad Celtes, Grillparzer, Hebbel, Lenau, Raimund, Saar, Stifter; poste ebliĝus ankoraŭ pilgrimado al la loĝlokoj de la pentristoj Amerling, Canon, Markart, Schwind, Klimt; al la verkoj de Waldmüller kaj Führich, de la skulptistoj Canova, Donner, Fernkorn; al la lokoj, kie efikis la eminentaj aktoroj kiel Anschütz, Fichtner, Löwe, Mitterwurzer, Wolter, Sonnenthal kaj Kainz, kiuj reprezentas la glorfamon de la Viena dramarto; aŭ oni povus ekserĉi la brilon de la Viena medicina skolo, kiu estas reprezentata per la nomoj Skoda, Rokitansky, Hyrtl, Billroth, Meynert, Nothnagel; fine la palacojn, el de kiuj diplomataj personoj kiel Kaunitz, Metternich decidis kaj kundecidis pri la sorto de Eŭropo. Ĉie oni renkontus parton de la historio, ĉie per nomo kaj bildo evidentiĝus, ke oni staras en energia centro, kiu nutris la vivofontojn de ĉi tiu kontinento kaj ilin nutras daŭre.



La fama *Katedralo de St. Stefano* kun la 138 m alta „Wiener Steffel", kiu jam de 600 jaroj kunvivas la historion de Wien. La elrigardo de sur la turo estas tre rekomendinda. Sub la katedralo estas la „katakomboj".

Ĉar ni bezonas al tiuj malnovaj nomoj alvicigi liberelekte nur kelkajn novajn kaj ni havas bildon de la moderna kreagado de Wien. Ni nur citas la nomojn de la poetoj Artur Schnitzler, Hugo von Hoffmannstal, Richard Beer-Hoffmann, Karl Schönherr, Franz Werfel, aŭ ni citas la nomojn Kokoschka, Josef Hofmann, Hanak, Strnad — de ĉiuj eliĝis kaj eliĝas la plej forta radiado al la nova spirita kulturo. Kaj ne estas hazardo, ke Richard Strauss, la gvidanta germana muzikverkisto, ĝuste en Wien konstruigis sian domon kaj decidis, kiel Beethoven kaj Mozart, resti en Wien, ne nur tuŝeti ĝin preterpasante. Ĉar la fundo, sur kiu leviĝas Wien, malnova romana fundo, havas magian, fruktoĝermigan forton. Sur ĝi prosperas homoraso, el kies lingvo jam kares-ondoj de speciala amindeco frapas la orelon, lingvo, kiu klopodas graciigi la krudajn objektojn de l' vivo.

Pli frue oni parolis pri „popolo de dancistoj kaj violonistoj", sed al ĉi tiu duona vero aliĝis de tiam la dua duono: ke ĉi tiu dancanta kaj muzikanta popolo estas altgrade industrie kreanta, ke ĝi laŭ centjara tradicio evoluigis speciale delikatan artmetian guston, kion precipe pruvas ĝiaj famaj ledaĵoj kaj bronzoj, kiujn uzas la tuta mondo, eĉ la hinda, ĉina kaj japana oriento. Ne nombrante detalaĵojn oni povus ankoraŭ paroli pri tiu krono de industriaj lokoj, kiuj estas enigitaj en la belan pejzaĝon ĉirkaŭ Wien, tamen ne ĝenante ĝin — estu memorigata nur la bela industriurbo Berndorf, de kiu ekfluas eksportfonto en la tutan mondon. Tiamaniere evoluis la „Dia nesto" de iam al industria metropolo, kvankam ĝi loĝigas tiom da artistoj kaj estas en sia plej bona pensado kaj celado artiste orientita.

Oni ĉiam parolas pri Wien kiel pri la urbo *„ĉe la bela blua Danubo"*, efektive ĝi kuŝas nur ĉe bela brako de Danubo, sed en treege dekoracia kaj ĉiaspece unika pejzaĝo. Oni povas superrigardi la aŭstrian kulturon plej oportune, se, venante per la vaporŝipo de Passau, traveturas la „Wachau", se oni tie ekvidas la abatejon Melk tronantan sur monteto kaj antaŭ Wien la majeste lokigitan prelatejon Klosterneuburg. Ĉi tiuj eklezia kasteloj estas ĉiu unuopa kvazaŭ aŭstria Akropolis kaj konservas la plej maloftajn trezorojn de bildoj kaj libroj. En Klosterneuburg oni ekzemple povas pasigi duonan tagon nur kun la fama altaro de Verdun, romana majstroverko el la XII-a jarcento, aŭ kun la same fama klaŭstro*), kiu estas parenculo laŭ beleco de la klaŭstro en la abatejo Heiligenkreuz. Havante bonan komunikiĝon, oni povas ankoraŭ en la sama tago esti en Carnuntum**) kaj admiri la faman urbon kun

*) ĉirkaŭkorta peristilo

**) antaŭ 1600 jaroj ĝi havis 200 000 enloĝantojn

teatro, vilaoj kaj fortikaĵoj, kun la templo de Mithras. Carnuntum estis la orienta flankurbo al la antikveroma Vidmina aŭ Vindobona, el kiu ekkreskis Wien. La pejzaĝo ĉe Danubo dume havas tiel varian ĉarmon, ke oni konstante opinias, iradi sur alia riverbordo, kiel ĝenerale la tuta „Niederösterreich" estas lando de diversspeca karaktero, jen speco de „Champagne" en la vinfluanta „arbardistrikto" kun la varma Kamp (rivero), jen groteska svisa pejzaĝo kiel en la regiono ĉirkaŭ la Ötscher (monto), la Schneeberg kaj la Rax.



*Karls-Kirche* (preĝejo de St. Karolo), konstruita de Fischer von Erlach sub la imperiestro Karl VI. (1712 - 1740), la patro de la imperiestrino Maria Theresia

Krome estas la ĉeborda pejzaĝo kun siaj multnombraj kasteloj kaj kastelegoj – ni nur nomas Greifenstein, Kreuzenstein aŭ Schallaburg – samfacile atingebla kiel la montara regiono. Kiel oni veturas de Firenze al Fiesole aŭ de Dresden sur la bastionon, tiel oni nuntempe veturas rapide kaj oportune de la pramalnova placo de la Stefankatedralo el la bruado de la grandurbo en apenaŭ pli ol du horoj en la solecon de la altmontaro kaj lasas ĉirkaŭblovi sin de la alpaj ventoj sur la plataĵo de l' Rax.

Sed tio ankoraŭ ne estas ĉio: vinspertulo povas entrepreni specialan vinvojaĝon, ne nur en la jam nomitan arbardistrikton, sed ankaŭ al Krems*), Spitz*) kaj Stein*), kie en altaj terasoj la homa diligento postrampas la sunserĉantan vinberon; aŭ en la mirigan, ĉiun ĉarmon de la ebeno spirantan „Marchfeld" **), en la montetregionon de la Sudfervojo, en la Leitharegionon, radiata de la suda suno, al la vinkultur-lernejoj de Retz kaj Gumpoldskirchen — kaj renkontas ĉie tiun ĝojigan vinon, kiu estigas al la homoj de la regiono la gajecon, kiun la Rejnlando donas al la siaj. Ĉiu el ĉi tiuj urboj kaj urbetoj disputas pri la honoro, produkti la plej orecan kaj la „plej trinkemigan" guton, kiel disputis la sep antikvaj urboj inter si pri la honoro, esti naskinta Homeron, kaj al la spertulo malfaciliĝas la elekto. Ĉi tio des pli, ĉar ĉi tiuj parte fajrecaj, parte karesemaj, akremildaj kaj akredolĉaj vinspecoj estas malpli kostaj ol la rejnlandaj aŭ francaj kaj — trinkataj kun fermitaj okuloj — pretaj, esti ŝanĝataj kun ili. — Kiu serĉas monduman vivon,

*) ĉe la Danubo

**) laŭvorte „Kampo ĉe la Marchrivero", tre ampleksa ebena distrikto



Panoramo de *Semmering*. Maldekstre la Südbahn-hotelo. Maldekstre Rax-monto kaj dekstre Schneeberg (ambaŭ 2 000 m altaj). Al Schneeberg (neĝmonto) kondukas dentrada fervojo, sur Rax ŝnurfervojo; pro tio el Wien oni povas ekskursi dum unu tago sur Semmering aŭ sur Rax aŭ Schneeberg, t. e. el la ebenaĵo (ĉe Wien 170 m) ĝis sur la plej romantikaj kaj pitoreskaj altmont-pejzaĝoj (2 000 m).



*Rosenburg* en Kamptal (valo de Kampo, flanka rivero de Danubo) bela kastelo kun interesa internaĵo kaj rava ĉirkaŭrigardo

trovas ĝin en Wien same tiel kiel en la plej proksima ĉirkaŭaĵo de Wien: sur Semmering, monto porplezura, kiu prezentas dumvintre ne malpli da plezuraĵoj ol en ĉiuj aliaj sezonoj, kiu estas monto por glitveturado kiel por malproksimaj arbarpromenadoj kaj per siaj hotelaranĝoj kontentigas ĉiun deziron. Kiu serĉas silenton kaj edifon, trovas lokojn meditigajn, idiliajn per girlando de malgrandaj „diaj nestoj", en kiuj oni korpe kaj intelekte bone fartas. Oni sentas la saŭmadon de ĉampano en homoj, en objektoj kaj en la muziko. El tio devenas do ankaŭ la pratempa ĉarmo de Wien kaj oni fine povus diri: Wien estas la urbo de Eŭropo, en kiun oni efektive ne nur venas, sed ĉiam kun ĝojo revenadas . . .



*Gänsehäufel — Fotografaĵo el aviadilo*

kiel Mödling kun ĝia rava urbdomo, aŭ banlokon, kiu estas samtempe monduma kaj laŭ Horaz senbrua: Baden, la tipa saniga banloko de Niederösterreich. Ĝi estis Tusculum de preskaŭ ĉiuj aŭstriaj homoj depost cent jaroj, kaj en la impona dika volumo, kiu enhavas ĉiujn vizitintojn, ne mankas eĉ unu impona nomo, nek Grillparzer nek Beethoven, sur kies postsignoj oni povas migradi ĝis en la arbaran sovaĝecon de la malnova „Krainerhütte" (Krajnerdometo).

La grandeco de tiuj spirituloj vivas en la ĉarmo de la pejzaĝo kaj pliigas ĝin. Oni trovas, ke la potenca, grandiĝinta „dia nesto Wien" estas ĉirkaŭita

Ekskolonelo Franz Zwach, la tradukinto de tiu artikolo, majstre tradukis por la XVI-a en Wien (1924) la belan Vien-tipan teatraĵon „La Malŝparulo" de Ferdinand Rajmund. „La Malŝparulo" estis bonege ludata dum la XVI-a en „Wiener Bürgertheater de profesiaj aktoroj. Hermann Wawra kaj Philipp Zeska de la famkonata Viena Burgteatro ludis Valentin resp. Flottwell, Ges-roj Kurt la geĉambristojn Wolf kaj Rosel, Ges-roj Stark el Nürnberg la feinon Cheristane kaj Azur. Hermann Wawra ne nur majstre Vien-tipe ludis Valentin'on li ankaŭ estis brilanta reĝisoro de la tuta teatraĵo kun sia tuta koro kaj animo. Al li la esperantistaro ŝuldas multan dankon. Wawra, la eminenta burgaktoro tre ŝatas Esperanton; sub lia gvidado dum la sekvontaj jaroj „La Malŝparulo" denove ekfloros kaj estos ĉi tie ludata verŝajne ofte kaj ofte, ju pli la Esperanto-movado en Wien kaj aliloke kreskos.





# LITERATURO



## *Proceso pri pomarboj*

El „Aventuroj de D-ro Festus“ de *Rod. Toepffer*
Trad. *Edm. Privat*
Kun afabla dediĉo al S-ro John Merchant, esperanta humoristo

La vilaĝa komunumo de Primboso, apud maro en Ginvernio, deziris refari sian preĝejan turon pro la politikaj cirkonstancoj, kiuj postulis tiam tute novan sonorilejon, ĉar la nuna registaro estis tre religia, dume la antaŭa estis tre malpia. Sed la komunumo de Primboso staris en granda malfacilo, ĉar ĝi jam ruiniĝis en sia proceso kontraŭ la vilaĝo Grandlupo pri la komunumaj pomarboj. Jen ties historio:

La komunumo Primbosa havis siajn proprajn pomarbojn ĉe la bordo de la Milraja roko, abrupte tranĉita kaj alte staranta super la komunumo Grandlupa kiel limo inter ambaŭ. Tiamaniere la pomarboj estis en unu, sed falis en la alian. El tio venis la konflikto.

Jen la vilaĝanoj el Primboso ekskuis siajn arbojn por faligi la fruktojn. Poste ili malsupren rampis mem de l' roko por ilin kolekti, ofte ne plu trovis ilin kaj forte suspektis ke la Grandlupanojn ilin foruzis por friti kuketojn en oleo.

Aliparte la grandlupanoj evitis paroli pri fritaĵoj, sed forte plendis ke la Primbosanoj faligas la fruktojn sur iliajn kampojn kun granda domaĝo, ili diris, ĉar fojno estas kara kaj la postfalĉo perdita. Ili disputis do kaj, ofte kverelante, eĉ interbatis unu l' aliajn. Vidu ja Jankon Andreo, kvazaŭ mortlasitan en fosejo. Nur per la konata rimedo li resaniĝis: teni pometon inter la dentoj kaj turni la dorson al la fajro ĝis la pomo kuiriĝis.

Kiel venĝo pro tiu afero, la Primbosanoj forŝtelis dek kvar ŝafojn kaj de la roko mortigis du azenojn per ŝtonoj. Revenĝe la Grandlupanoj alvenis nokte kaj ekbruligis la fojnarojn de Janko Andreo kaj, postkurite, lasis tri falintojn surloke. Post kio, la morgaŭan tagon, ili revenis en granda nombro kaj mortigis la bovgardiston de Janko, penintan defendi liajn bovinojn. Tiam ili sovaĝis tra la vinberoj kaj forkaptis dek unu porkojn inkluzive du porkinojn plenajn kaj la ĉevalinon de Petro kun ŝia ĉevalido, kiu nepre volis sekvi ŝin.

Tiu kverelado eĉ daŭris naŭ jarojn, post kiuj oni interkonsentis turni sin al la Juĝistaro por finfini.

La Juĝistaro faris protokolon pri la pomarboj kaj elserĉis plej zorge ĉiujn koncernajn aktojn. Kelkaj dokumentoj eĉ datis el tempo de la Reĝino Berta*). Ĝi revidis ĉiujn paperojn el arkivoj de ambaŭ komunumoj kaj kunvokis al si ĉiujn avojn kaj malnovulojn por atesti. La tuta afero daŭris eĉ sep jarojn, dum kiuj ambaŭ komunumoj finance subtenis la Juĝistaron egalparte, trudante al si eksterordinarajn impostojn kaj ŝuldojn ĝis ŝvelo.

Ĉe la fino de la sep jaroj, la Juĝistaro deklaris ke la pomarboj apartenas nepre al la Primbosanoj, ankaŭ la pomoj; sed konsiderante ke, unuflanke la Grandlupanoj havis neniun rajton manĝi la suprecititajn pomojn, aliflanke la Primbosanoj tute ne rajtis iri sur la kampon de la Grandlupanoj por ilin preni, ĝi konkludis aljuĝante al si tiun fruktaron je eterne por pagi la procesajn elspezojn.



## *Optimismo*



Ĉar pluvetis dum la tago
Kaj defalis florpetal',
Aŭ ĉar dronis muŝ' en la lago
Kaj ektimis najtingal',
Tra senkora universo
Larme vibras via verso!

Se mi devus kun poetoj
Pale plori, sen esper',
Pri la etaj mizeretoj
Ĉiutagaj sur la ter',
Nu, . . . mi estus krokodilo
Ie ajn ĉe l' granda Nilo!

Sed mi estas hominfano,
— Kvankam stranga specimen' —
Tial mi kun bona sano
Vivas kvazaŭ en Eden':
Kontraŭ pluvo . . . sub ombrelo,
Kontraŭ zorgoj . . . sur barelo!

*Raymond Schwartz*



*) El dekdua centjaro (Red.)



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# 19. Universala Kongreso de Esperanto

## Danzig

◆

### 3-a kongresa informilo

### OFICIALA INFORMILO.

**Dato:** La XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig okazos 28 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1927.

**Patrono de la kongreso:** S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.

**Loka Kongresa Komitato:** Honora prezidantino: S-ino Anna Tuschinski.
Prezidanto: S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA.
Vicprezidanto: S-ro Kazimierz Majorkiewicz.
Financoj: S-ro Kurt Sachsze.
Sekretarioj: F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz.
Gazetaro: S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.

**Adreso:** Ĉiuj leteroj estas adresotaj al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig.

---

#### Aliĝo.

Ĉiu kiu bezonas aliĝilon turnu sin al la ĉi supra adreso.

En la kongresan nomaron estos enskribataj nur la personoj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

*

#### Helpkongresanoj.

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

*

#### Kotizo.

Por ĉiuj kongresanoj sen diferenco laŭ landoj: 25 danzigaj guldenoj aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj. Por blinduloj senpage.

Oni pagu al la „Danziger Privat-Aktien-Bank“, Danzig, Konto: Esperanto aŭ per poŝtmandatilo aŭ per ŝtatbileto sendotaj per rekomendita letero al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto, Danzig.

*

#### Donacoj.

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

*

#### Blindula kaso.

Dezirante helpi al la blinduloj kiuj okaze de nia XIX-a aranĝos sian VI-an Blindulan Kongreson en Danzig, L. K. K. starigis blindulan kason kaj petas pri mondonacoj.

*

#### Fakaj kunvenoj.

Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi la L. K. K.

Okazos kunvenoj de inĝenieroj kaj arĥitektoj, Ilepto, Teka, ĵurnalistoj, I. S. A. E., Ruĝa Kruco, Kristana Ligo, Bahaianoj, Bankfaka Esperanto-Asocio, Hebrea Esperanto-Asocio.

*

#### Alvojaĝo.

Por la envojaĝo al Danzig trans Stettin — Stolp aŭ Schneidemühl — Dirschau (Tczew), aŭ Königsberg — Marienburg — Dirschau (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun la pola transitvizo.

Pola vizo ne estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere:

1. per ŝipo de Swinemünde, Pillau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig;

2. per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per malgrandfervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig;

3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg. Danziga vizo ne estas necesa.

Uzu la aranĝotajn karavanojn de UEA, pri kiuj detaloj sekvos.

#### Loĝigo.

La Loĝiga Komitato de L. K. K. prizorgos ĉambron por 4 kaj 6 guldenoj, po lito kaj nokto, matenmanĝo kostas 1 guld. (kafon aŭ teon kaj du bulketojn) ĝis 2 guld. (ovaĵo, kolbaso ktp.)

*

#### Vegetaranoj.

Bonvolu tuj mencii en la aliĝilo ke vi deziras vegetaran manĝaĵon. Pure vegetaraj restoracioj ne ekzistas en Danzig sed L. K. K. aldonos al kongrespaperoj liston de certaj restoracioj kie vi trovos vegetaran menuon dum la kongrestagoj.

*

#### Libro-ekspozicio.

Ĉiu kiu deziras ekspozicii esperantajn librojn bonvolu turni sin al L. K. K. (Librovendejo), Kurt Gensch.

*

#### El la provizora programo:

Ĵaŭdon, 28. VII.: Interkonatiĝa vespero.
Vendredon, 29. VII.: a. m. Malfermo de la S. U.
p. m. vespera koncerto en Sankta Marien.
vespere: Malfermo de la XIX-a.
Sabaton, 30. VII.: Prelegoj, Laborkunsido, Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurseto al Oliva — Glettkau.
Dimanĉon, 31. VII.: a. m. Diservoj, Promeneja koncerto.
p. m. Ĝardenkoncerto.
Lundon, 1. VIII.: Prelegoj, Kongresa Fotografo, Fakaj kunsidoj.
vespere: Internacia balo.
Mardon, 2. VIII.: Fermo de la S. U., Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurso al Zoppot. Oratora konkurso en la Kurac-Ĝardeno.
vespere: Arbaropero germana.
Merkredon, 3. VIII.: Tuttaga ŝipekskurso al Zoppot. Marborda festo.
Ĵaŭdon, 4. VIII.: Fermo de la Kongreso. Ekskurso al Marienburg, postkongresaj vojaĝoj.

Por instigi ĉiujn gesamideanojn, ke ili kunprenu laŭeble siajn naciajn kostumojn L. K. K. decidiĝis promesi premiojn egalvalorajn el sukceno por la 3 plej belaj kostumoj (Fantazikostumoj ne estos konsiderataj).

*

#### Favoraĵoj.

La urbo Zoppot donos al ĉiuj kongresanoj dum la kongrestagoj jenajn favoraĵojn: Liberigo de la kurackostoj por la loĝado en Zoppot. Senpaga eniro en la banlokan ĝardenon, kie ĉiutage antaŭ-, post-tagmeze kaj vespere estas koncerto. Senpaga eniro en la ludejojn. Rabato de 50% de la malvarmaj marbanprezoj.

---

## Ŝipveturado al Danzig.

Okaze de la XIX-a Universala Kongreso de Esperanto, laŭ priparolo de S-ro Georges Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris, la „Compagnie Générale Transatlantique“ konsentis pri la jena aranĝo:

Eventuala forveturo el Le Hâvre (Franclando) la 21—23-an de Julio 1927 per la vaporŝipo „La Pologne“ al Gdynia apud Danzig tra la kanalo de Kiel.

Daŭro de la surmara vojaĝo: tri tagoj kaj dek horoj.

Specialaj favorprezoj por kongresanoj (ĉio enkalkulata) el Le Hâvre:

1-a klaso 500 fr. fr., 2-a klaso 350 fr. fr., 3-a klaso 250 fr. fr.

Por pliaj sciigoj kaj enskribiĝo oni sin turni al „Compagnie Générale Transatlantique“ (Inspection Générale des Passages), 6 rue Auber, Paris IX. Skribu nacilingve au en Esperanto.

# Naciaj Kongresoj

## VII-a Aŭstria Esperanto-Kongreso

4.—6. Junio 1927

Je la komenco de la festsemajnoj, la aŭstria esperantistaro malfermos sian ĉijaran kongreson en Wien. *Plej bona okazo por alilandaj samideanoj kunigi ambaŭ aranĝojn.* Informojn vi ricevos ĉe L. K. K.-prezidanto ĉefinspektoro Steiner, Bisamberg ĉe Wien. Aldonu respondkuponon! Kongreskotizo: svis. fr 2.—.

Dum la Viena festsemajno konstanta Esperanto-ekspozicio en la magazeno Herzmansky, Mariahilferstrasse 26.

* * *

## XVI-a Belga Nacia Kongreso

Mons, 4.—6. Junio 1927 (Pentekosto)

La nunjara belga nacia kongreso okazos en Mons dum la proksimaj Pentekostaj festtagoj.

Mons, ĉefurbo de provinco Hainaut, lokita meze de unu el la plej industriaj regionoj de Belgujo, estas tre intelekta centro kie ekzistas famkonataj teknikaj kaj minejaj lernejoj.

La urbestraro montras sin favora al Esperanto kaj akceptos oficiale la kongresanojn en la bela urbdomo.

Tre interesa ekskurso okazos al parko de Beloeil, la plej bela el la lando; ĝi apartenas al Princo de Ligné.

Ĉiuj gesamideanoj estas kora invitataj al la belga jara festo kie ili ricevos plej afablan akcepton.

Por ricevi informojn pri la kongreso kaj por aliĝo oni sin turnu ekskluzive al S-ro Henri Petiau, ĝenerala sekretario de „Belgia Ligo Esperantista“, 60, Boulevard St. Liévin, Gand (Gent).

* * *

## Universala Esperantista Pacifista Ligo

**Lasta alvoko!**

Dum du jaroj ni klopodadas starigi fortan pacifistan ligon; ni alvokis en la Esperanto-gazetaro, ni skribis al la Naciaj Societoj, ni korespondadis kun interesuloj, sed ĝis nun nur en unu lando (Ĉeĥoslovakujo) la pacifistoj energie kaj fruktplene laboras.

En nia lasta cirkulero, ni klare montris nian celon: „unuigi per Esperanto ĉiujn direktojn en la pacmovado, por formi unu grandan internacian forton por la paco.“

Por atingi tion, ni nepre bezonas la helpon kaj subtenon de ĉiu esperantisto-pacifisto. Ligo sur papero ne efikas.

Se ni ne akiros la bezonatan kunlaboron en multaj landoj, tiam estos neeble, daŭrigi nian laboron.

De la rezultato de ĉi tiu alvoko dependos, ĉu nia Ligo havas ekzistrajton.

Al vi, esperantistoj-samideanoj, la decido!

por U. E. P. L.:
*Julia Isbrücker,* prezidantino

Oostduinlaan 32, Hago (Holando)

---

**Pro abundeco de materialo
la kroniko aperos en la proksima numero**

---

# *Kiel UEA utilas!*

*(Letero de la Internacia Labora Oficejo)*

TÉLÉPHONE: MT-BLANC 6200
Adresse Télégraphique: INTERLAB GENÈVE - SUISSE

**SOCIÉTÉ DES NATIONS**
**BUREAU INTERNATIONAL DU TRAVAIL**
**LEAGUE OF NATIONS**
**INTERNATIONAL LABOUR OFFICE**
**GENÈVE**

Kara samideano,

Mi ricevis vian leteron de la 5-a nuna, kune kun la raporto de S-ro Kristjánsson, la delegito de UEA en Rejkjavik.

Tiu raporto venis responde al letero, kiun D-ro Fauquet, la estro de nia Koopera Servo, skribis en Esperanto al D-ro Privat la 3-an de Decembro, petante lian helpon por starigi rilatojn ebligantajn nin informiĝi pri la koopera movado en Islando. Via Asocio tuj skribis al siaj delegitoj kaj la rezultato estas la letero de S-ro Kristjánsson.

La raporto, kiun li sendis, estas vere, kiel li diris, netaksebla. Ni eldonos resumon de ĝiaj informoj en baldaŭa numero de „Informations sociales“, montrante la fonton kaj la peron. Plie, tiu raporto ebligas nin prezenti, kun ioma precizeco, la islandan kooperan movadon en nia Internacia Jarlibro pri kooperaj organizaĵoj.

Ni skribis al S-ro Kristjánsson por esprimi al li nian dankon, kaj ni ankaŭ tre dankas al via Asocio pro la valoraj servoj al ni faritaj.

Kun samideanaj salutoj
*C. C. Tarelli*

S-ro Jakob, Direktoro,
Universala Esperanto-Asocio,
12, Boulevard du Théâtre, Genève.



# *Letero de D-ro Nitobe*

Genthod, 14 Januaro 1927

Al S-ro D-ro Edmond Privat
Prezidanto de UEA

Kara Sinjoro,

Kun ne malgranda, sed plezuriga surprizo mi ricevis vian leteron de 10 Januaro, en kiu vi informas min pri propono min elekti kiel honoran membron de via Asocio.

Sciante mem kiel nobla estas la afero, kiun vi subtenas kaj kiom grava estas via Asocio, mi konsideras kiel honoron esti ligata kun ĝi.

Mi konfesas, ke mi estas ankoraŭ komencanto en Esperanto, sed tio ne malhelpas min, defendi ĝian movadon; ĉar mi opinias, ke mi ne eraras pensante pri ĝi ne kiel nur lingva sed kiel granda morala afero tutmonde grava.

Mi estos fiera kunaparteni al via Asocio, kvankam mi timas, ke mi ne montros min inda je la honoro, kiun vi intencas por mi.

Ree dankante vin pro via afableco, mi restas via sincere
*Inazo Nitobe*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 175; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Pengo 5, 12,50, 35; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 125, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malsimila aĉetpovo de l' mono: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 40 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Pengo 2.—; Pollando: Zlot. 2,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève.*

Poŝtĉekaj kontoj:

| | |
|---|---|
| *Aŭstria: Wien 105439* | *Belga: Bruxelles 1842.00* |
| *Ĉeĥoslovaka: Praha 79236* | *Franca: Lyon 221-76* |
| *Germana: Frankfurt a. M. 90850* | *Itala: Bologna 3-327* |
| *Jugoslava: Zagreb . . . .* | *Pola: Warszawa 190576* |
| *Sveda: Stockholm 4138* | *Svisa: Genève I. 2310* |

---

**Brita teritorio.** — Por progresigi UEA en Britlandon, pluraj aktivaj anoj britaj proponis la kreon de tutregna teritorio kun pagocentro en Londono. Post zorga esploro S-ro Paul Blaise, komisionano de UEA, aranĝis voĉdonon de la delegitoj britaj, kiuj per granda plimulto akceptis la proponon kaj elektis

S-ron Kay, London, ĉefdelegito,
S-ron D. R. Tullo, Edinburgh, ĉefdelegito,
S-ron H. Moy Thomas, London, „ -anstataŭanto,
S-ron Cecil C. Goldsmith, sekretario.

Estis dissenditaj 129 voĉdoniloj, revenis 88; por 88 kontraŭ 0, absoluta plimulto necesa 65, propono akceptita. La komisiono de UEA ekzameninte la aferon aprobis la aranĝon. La britaj delegitoj bonvolu do sendi ĉion al la nova sekretario S-ro Cecil C. Goldsmith, 142 High Holborn, London W. C. 1, kiu tre rapide servos ilin. Materialon ili povas mendi ĉe li.

**Jarlibro.** — La nova jarlibro eliras definitive fine de monato Majo.

### Novaj delegitoj:

**Altstätten,** Svislando, St. Gallen. D. S-ro Emil Eisenring, instruisto
**Amélie-Les-Bains,** Franclando, Pyr. Or. D. S-ro Maurice Villain, Fort d' Amelie-les-Bains
**Andon,** Franclando, Alpes Mar. D. S-ro Pons Funel, instruisto
**Aosta,** Italio. D. S-ro Carlo Alessi, Acciaierie Cogne Girod
**Asunción,** Sud-Ameriko, Paraguay. D. S-ro Luis Juan Pinasco, Montevideo 621
VD. S-ro Miguel Chera, Str. Venezuela y Entre Rios
**Bačka Topola,** Sudslavio, Vojvodina. D. S-ro Lajos Bacsa, Toth fatelep
VD. S-ro Oszkar Sohr, Maria ulica.
**Basel,** Svislando. D. F-ino Hélène Tissot, Wartenbergstr. 9
VD. S-ro Frédéric Paris, Blechenstr. 2
**Bedford,** Britlando. D. S-ro Paul Mathews, Windyridge, Putnoe
**Berlin,** Germanio (Distrikto 1). D. S-ro D-ro Robert Fulda, Nürnbergerstr. 39-40 W. 50
(Distriktoj 3 kaj 19). D. S-ro Felix Dyba, Moltkestr. 4, Berlin-Niederschönhausen
(Distr. 6). D. S-ro Adolf Münz, Leipzigerstr. 58, S. W. 19
(Distr. 8). S-ino Hanna Böhm, Bismarckstr. 63, Berlin-Spandau
(Distr. 10). D, S-ro Eugen Ludwig Loewe, Schorlemer Allee 34, Berlin-Dahlem
(Distr. 13). D. S-ro Gustav Adolf Franke, Borussiastr. 71, Berlin-Tempelhof
(Distr. 15-16). D. S-ro Erwin Scholz, Dorotheastr. 25, Berlin-Karlshorst
(Distr. 20). D. S-ro Walter von Waldowski, Fontaneweg 25, Birkenwerder bei Berlin
**Besançon,** Franclando, Doubs. D. S-ino Alice Muller-Noguet, 9 Av. Carnot
**Berson,** Franclando, Gironde. D. S-ro Marc Pujo, Château Boisset
**Biala Podlaska,** Pollando. D. S-ro Chaim Rozmaryn, Skvr. Poczt. 39
**Bogotá,** Kolombio. D. Frato Pierre Arnould, Instituto Tecnico Central, Calle 13 No. 413
**Borgholm,** Svedlando, Öland. D. S-ro Oskar Frode, Lingvoinstruisto
**Cagnes sur Mer,** Franclando. D. F-ino Jeanne Funel, instruistino
**Cali,** Kolombio, Valle del Cauca. D. S-ro John Gili-Norta, Apartado Correos 58
**Chaumont,** Franclando, Hte Marne. D. S-ro Louis Rousselot, 27 Impasse rue Marechal
**Cleve,** Germanio, Rhld. D. S-ro Karl Hachmann, Mittelberg 40
**Česká Skalice,** ČSR., Bohemio. D. S-ro Jan Dvořáček, N-ro 360
VD. S-ro Odon Horák, N-ro 250.
**Dagda,** Latvio. D. S-ro Hermanis Lidaka, Policijà
**Darkov,** ČSR., Silezio. D. S-ro Adolf Witoszek, Darkov 85, apud Fryštát ve Slezsku
**Elva,** Estonio. D. S-ro Aleksej Huoponen, direktoro de kursoj por maŝinskribado
**Enns,** Aŭstrio, Ober-Oest. D. S-ro Gerardo von Schmidt auf Altenstadt, Grollerstr. 7
**Fredrickshald,** Norvegio. D. S-ro Henry Friedén, Sykehusgaten 19
VD. S-ro Arvid Pihlström, Oskleven 26
**Frývaldov-Gräfenberg,** ČSR., Silezio. D. S-ro Miroslav Rumpel, staniční úřad
**Giurgiu,** Rumanio, Vlaŝca. D. S-ro Stefano Koch, ĉe „M. F. T. R." Giurgiu-Port
VD. S-ro Karlo Leono Goldenberg, Str. Scolei 1
**Griva,** Latvio. D. S ro Janis Greiško, staciestro
**Gyula,** Hungario. D. S-ro Jenö Karácsony, Szent István ut. 4. szám
**Hajdúböszörmény,** Hungario. D. S-ro György Kocsis, Ujvárosi ut
**Hajduki Wielkie,** Pollando, Gorny Ilask. D. S-ro Maksymiljan Janik, tajloro
**Heide,** Germanio, Holstein. D. S-ro Gustav Holtorf, Bahnhofstr. 23
**Honningsvag,** Norvegio, Finnmark. D. S-ro Ottar Aas, Telegrafkontoret
**Indevillers,** Franclando, Doubs. D. S-ro Marc Ponçot, Château de Chauvillez
**Junín,** Argentino, Buenos-Aires. D. S-ro Juan Manuel Seisdedos, Str. 25 de Mayo 374
VD. S-ro Pedro Luis Quarta, Jean Jaures 319
**Kalugerovo,** Bulgario, Pazarĝik. D. S-ro Petre Atanasov, Instruisto
**Kanton,** Ĉinio. D. D-ro Won Kenn, 15 Hong Kung Chik Str.
VD. Prof. Au Sinpak, Chu Chup Sun School, Lin Tong Str.
VD. Prof. W. K. Hsu, Post Office Box 88
**Kauffung,** Germanio, Schles. D. S-ro Paul Emmler, laboristo
VD. S-ro Richard Evler, bienulo
**Komotau,** ČSR., Bohemio. D. S-ro Wilhelm Wania, Gerhart-Hauptmann-Str. 24
VD. S-ro Anton Hammer, Partschgasse 10
VD. S-ro Franz Krabetz, Gerstnergasse 166
**Koprivnica,** SHS., Hrvatska. D. S-ro Josip Rožmariĉ, Brezanec stari
VD. S-ro Franjo Ŝifkorn, Lemŝĉe
**Korčula,** SHS., Dalmacija. D. S-ro Petar Drviŝ-Grk, supera impostestro
**Kremenec,** Pollando, Volyn. D. S-ro Bazyli Doroszenko, Pocztova 28, Gimnazyum ukrainski
**Lecco,** Italio, Como. D. S-ro Annibale, N. Magni, 6 Piazza Cesare Battisti
**Le Perreux sur Marne,** Franclando. D. S-ro Raymond Laval, 160 ter, Av. des Champs Elysées
**Lohovec,** ČSR., Moravio. D. S-ro Josef Sojka, Lohovec p. Valtice.
**Los Angeles,** Usono. Calif. D. S-ro W. P. Hatsch, 3440 Wilshire Boulevard
VD. Charles R. Witt, 2403 South Cochran Str.
**Lubania** n. Pilica, Pollando. D. S-ro Józef Bulski, instruisto
**Luzern,** Svislando. D. S-ro Richard Huber, Museggstr. 42
VD. S-ro Clemens Waldis, Hotel Raben
**Mährisch Chrostau,** ČSR., Moravio. D. S-ro Josef Simon, N-ro 105, poŝto Brünnlitz
**Malang,** Ned. Indie, Java. D. S-ro Groenhart, Josaristraat 10
**Marburg** (Lahn), Germanio. D. S-ro Heinrich Weiershäuser, Steinweg 26
VD. S-ro Konrad Weierhäuser, Steinweg 26
**Marienwerder,** Germanio, Westpr. D. F-ino Dora Strauss, Grünstr. 28
**Melilla,** Afriko norda. D. S-ro Luis Campos Suay, San Miguel 17
**Moravany v Čechách,** ČSR., Bohemio. D. S-ro Leopold Berger, sukerfabrikejo
**Moreni,** Rumanio. D. S-ro Antonio Paolazzo, „Astra Româna"
**Nitra,** ČSR., Slovakio. D. D-ro Richard Kürth, Jesenskeho 6
VD. S-ro Eugen Löwy, Jesenskeho 11
**Nokia,** Finnlando, Hämeenlaani. D, S-ro Svante Kivinen, instruisto
**Norderney,** Germanio, Hannover. D. S-ro Herbert Grosch, Schlachthof
**Oberursel,** Germanio, Hessen-Nassau. D. S-ro Wilhelm Maier, Frankfurter Landstr. 2
VD. F-ino Alice L. Bevel, ĉe la del.
**Oschatz,** Germanio, Sa. D. S-ro Rudolf Merkel, Bismarckstr. 4

**Ougrée-Sclessin,** Belgio, Liège. D. S-ro Jules Bissot-Servais, 72 Rue de Trazegnies
**Papendrecht,** Nederlando, Zuid-Holland. D. F-ino Adèle-Mary Gobiet, Merwedesingel 7
**Papstdorf,** Germanio, Sa. D. S-ro Walter Oehme, Papstdorf 15, bei Königstein
**Perugia,** Italio, Umbria. D. S-ro Mazzareno Boccioli, 5 Piazza Biordo Michelotti
**Raivola,** Finnlando. D. S-ro Heikki Teukanen, instruisto
**Raj,** ČSR., Silezio. D. S-ro Jan Sztwiertnia, N-ro 175, Pošto Fryštát ve Slezsku
**Ried,** i. Innkreis, Aŭstrio. D. S-ro Josef Hellwagner, Lubergasse 5
**Rijssen,** Nederlando. D. F-ino A. W. F. L. Aalders, Postkantoor
**Riom,** Franclando. D. S-ro Ernest Delanöe, 2 bis rue Lafayette
**Rochdale,** Brit. Lancash. D. S-ro Hugh Noël Nowell, St. Alban's Vicarage
**Romans sur Isère,** Franclando. D. S-ro Paul Vernin, 9 Faub. St. Nicolas
**Roudnice n. L.** ČSR., župa Louny. D. S-ro František Horálek, Husova L 108
**Salminen,** Finnlando, Savo. D. S-ro Hugo Salokannel, staciestro
**Sauvo,** Finnlando, Turku-Abo. D. S-ro Yrjö Rautio, terkulturisto
**Siemianovice,** Pollando, Silezio. D. S-ro Stanislaw Reichmann, ul. Wandy 24/II
**Signa,** Italio, Firence. D. S-ro Gino Catarzi, Via Egisto Ferroni 321
**Siparia,** Brita Okc. Indio. D. S-ro Dom Wilfridus Broens, katolika pastro
**Southend-on-Sea,** Brit. Essex. D. S-ro Douglas Ph. Boatman, „Springfield" Grove, Westcliff on Sea
**Stord,** Norvegio, Sunnhordland. D. S-ro Nils Okland, Rommetvelt.
**Suceava,** Rumanio, Bukovina. D. S-ro Johano Berhang, Str. Stefan Voda 6
VD. S-ro Ernst Hasenörl, Str. Stefan Voda 6
**Sucha kolo Zywca,** Pollando. D. S-ro Stanislaw Peksa, ŝtata notario
**Saint Pardoux,** Franclando, Hte Vienne. D. S-ro Maurice Lapéras
**Sao Tomé,** Portug. Okc. Afriko. D. S-ro Manoel Martins X. de Pins, poŝtoficisto
**Tarrasa,** Hispanio, Barcelona. D. S-ro Sebástian Chaler-Arnau, San Mariano 127
**Terijoki,** Finnlando, Karjala. D. S-ro Mikko Alava, instruisto
**Třebíč,** ČSR., Moravio. D. S-ro Josef Nennidal, Sadová 371
**Valdemàarpils,** Latvio, Kurzeme. D. S-ro Aleksandrs Bergtals, Cunces iela 4
**Vilkaviškis,** Litovio. D. S-ro Kazys Kasperavičius, Pustapedskio knygynas
VD. S-ro Juozas Šidlandskas „Žiedas" B-ve
**Wallasey,** Brit. Cheshire. D. S-ro Arthur Shaw, 1 Toronto Str.
**Wattenscheid-Westenfeld,** Germanio. D. S-ro Gustav Reimüller. Karbomino Morgensonne, Aldegreverstr. 76
**Wattrelos,** Franclando, Nord. D. S-ro Emile Gustave Boone, Rue de l' Union 286
**Wiipuri,** Finnlando. D. S-ro Eemil Hämäläinen, Kangasranta, Harjukatu 11
**Ymuiden,** Nederlando, Noord-Holl. D. S-ro P. H. Koomen, Tuinderstr. 51
**Zakopane,** Pollando, Malopolska. D. S-ro Tadeusz Kaciczak, Kóscielisko p. Zakopane
**Zoppot,** Danzig. D. S-ro Bruno Wolkiser, Librejo C. Gentsch, Seestr. 29

### Ŝanĝoj:

**Altona,** Germanio. D. S-ro Walter Michling, Allee 96
VD. S-ro Walter Meier, Wielandstr. 10
**Amersfoort,** Nederlando. D. S-ro Willem Alings, Joannes Folliusstr. 8
**Athènes,** Greklando. D. S-ro Klisthenis Philaretos, Str. Likurgo 8
VD. S-ro Demetrio Yatropoulos, Tritis Septembrion 22
**Badajoz,** Hispanio. D. S-ro Rodrigo Almada, Sepúlveda 12
VD. S-ro Antonio Veleso Delgado, Aflijidos 49
**Benešov u Prahy,** ČSR., D. S-ro Josef Dolanský, Zámecká ul. 175
VD. S-ro Sosef Hřebiček, Stará Pražská 149
**Bourges,** Franclando, Cher. D. S-ro E. J. Debar, 2-ème rue de Bellevue
**Catania,** Italio. D. S-ro Emanuele Scalia, Via Coppola 6
**Funchal,** Afriko, Madeira. D. S-ro Ernesto Cesar Pereirá, Rua dos Arrifes 2
VD. S-ro Julio Armando Figueira, Rua Nova de S. Pedro 43
**Georgswalde,** ČSR, Bohemio. D. S-ro Georg Erben, No. 631
**Haugesund,** Norvegio, Rogaland. D. S-ro Jon Lotsberg, Vibrandsöy pr Haugesund
**Karvinná,** ČSR., Silezio. D. S-ro Teodor Niemiec, N-ro 1537 Sovinec
VD. S-ro Leopold Kucharczyk, No. 102
**Konstantinoplo,** Turkio. D. S-ro Hilmi Djelil Bey, Skordoliastr. 12, Konstant.-Bechiktache
VD. S-ro Henderik Goemans, Banque Hollandaise pour la Méditerranée Palazzo Karakeuy, Galata
**Limoges,** Franclando, Hte Vienne. D. S-ro Leonard Grenier, 3 Av. Beausoleil
VD. S-ro Henri Marchandon, 5 Av. des Charentes
**Lódz,** Pollando. D. S-ro Remigjusz Meczynski, Bank Zachodni, Piotrkowska No. 52
VD. S-ro Wlodzimierz Pfeiffer, Ksiegarnia Ludwika Fiszera, Piotrkowska 47
**Meiningen,** Germanio, Thür. D. S-ro Artur Topf, Landsbergerstr. 14-a
**Mostar,** SHS., Hercegovino. D. S-ro Muhamed Behlilovič, Hasanagiča ul. 4
VD. S-ro Nikola Bjelica, Glavna, ul. ½ T. J. Njunjič
**Norwich,** Brit. Norfolk. D. S-ro Lewis C. Frost, 11 Matlock Rd.
**Rosny sous Bois,** Franclando. D. S-ro George Rumy, 11 rue de Neuilly
VD. S-ro Vincent Poczobut, 33 bis Av. de la République
**Udine,** Italio. D. S-ro Giovanni Della Savia, Via Grazzano 60 int. 2
VD. S-ro Galliano Dolce, Viale Ledra 32
**Varna,** Bulgario. D. F-ino Aurelia Apostolovska, Str. Sokolska 16
VD. S-ro Georgi Ar. Dimov, Str. Dobrička 18

### Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj lokoj:

**Aberystwyth,** Brit.; **Acapulco,** Meksiklando; **Alagón,** Hispanio; **Alger,** Afriko; **Angora,** Turkio; **Antsla,** Estonio; **Bamberg,** Germanio; **Bedworth,** Brit.; **Bellegarde-Poussieu,** Franclando; **Berezno,** Pollando; **Berlinchen,** Germanio; **Buchs,** Svislando; **Camden,** Usono; **Champigny sur Marne,** Franclando; **Clitheroe,** Brit.; **Coligny,** Franclando; **Cormeilles en Parisis,** Franclando; **Cromarty,** Brit. Skotlando; **Croydon,** Brit; **Czestochowa,** Pollando; **Deisenhofen bei München,** Germanio; **Dietfurt,** Svislando; **Doncaster,** Brit.; **Drohobycz,** Pollando; **Dubrovnik,** SHS.; **Duchcov,** ČSR.; **Eżerėnai,** Litovio; **Farnley Tyas,** Brit.; **Foochow-City,** Ĉinio; **Frankenberg,** Germ.; **Furth im Walde,** Germanio; **Gandia,** Hispanio; **Garmisch-Partenkirchen,** Germanio; **Gronsdorf,** Germanio; **Halifax,** Brit.; **Hamaden,** Persio; **Harnäs,** Svedlando; **Harpenden.** Brit.; **Hellin,** Hispanio; **Hercegnovi,** SHS.; **Hirschfelde,** Germanio; **Hoszcza,** Pollando; **Humppila,** Finnlando; **Jemnice,** ČSR.; **Jogjakarto,** Java; **Kingstown,** British West Indies; **Knittelfeld,** Aŭstrio; **Koburg,** Germanio; **Kopidlno,** ČSR.; **Kriesdorf,** ČSR.; **Kronach,** Germanio; **La Mure,** Franclando; **Levice,** ČSR.; **Liváni,** Latvio; **Lom,** Bulgario; **Lomza,** Pollando; **Lund,** Svedlando; **Merseburg,** Germanio; **Methil,** Brit. Skotlando; **Mezökövesd,** Hungario; **Mikstat,** Pollando; **Mikulovice,** ČSR.; **Montgeron,** Franclando; **Montreal,** Kanado; **Nelson's Bay,** Aŭstralio; **Neurode,** Germanio; **Nowv Sacz,** Pollando; **Nünchritz,** Germanio; **Nyiegyháza,** Hungario; **Perigueux,** Franclando; **Petrovaradin,** SHS.; **Pontllanfraith,** Brit.; **Popovo,** Bulgario; **Pordim,** Bulgario; **Provins,** Franclando; **Quirl,** Germanio; **Rákospalota-Ujpest,** Hungario; **Recitza,** Rumanio; **Reichenaŭ b. Gablonz,** ČSR.; **Reŭtlingen,** Germanio; **Rodas,** Kubo; **Równe-Wolyn,** Pollando; **Rugby,** Brit.; **Rzeszów,** Pollando; **Sanchez,** Respubliko Dominikana; **Săngeorzpadureni,** Rumanio; **Seattle,** Usono; **Seesen a. Harz,** Germanio; **Sens,** Franclando; **Seoul,** Japanio; **Sighetul-Marmatiei,** Rumanio; **Singen a. H.,** Germanio; **Sokal,** Pollando; **Stavanger,** Norvegio; **Stolat,** Bulgario; **iroka-Lea,** Bulgario; **Tavoy,** Birmanio; **Teiuš,** Rumanio; **Troyes,** Franclando; **Utrera,** Hispanio; **Vascăuti,** Rumanio; **Vastseliina,** Estonio; **Veliki Beckerek,** SHS.; **Vitkovice,** ČSR.; **Vreden,** Germanio; **Wealdstone,** Brit.; **Wistritz ap. Teplitz-Schönau,** ČSR.; **Zlatna,** Rumanio; **Zülpich,** Germanio; **Zwickau,** Germanio.

## En kelkaj linioj . . .

*** „Les Guides de Paris" estas noveldonitaj gvidlibretoj pri ĉiuj kvartaloj de Parizo en la angla, germana, hispana, itala kaj Esperanto.

*** Sudslava Regna Fervojaro decidis enkonduki Esperanton kiel unu el la lingvoj de la afiŝetoj en vagonoj.

*** Prezidanto de la Internacia Aviada Ligo, S-ro Clifford Harmon, malfermas en la sidejo de la ligo kurson de Esperanto, kies profesoro estos salajrita kaj lernantoj ricevos senpage „La Movadon".

*** Prof. E. Grosjean-Maupin, vicprezidanto de nia Akademio, estas ordenita kiel Kavaliro de la Honora Legio.

*** S-ro R. de Rienzi, konata samideano en Paris, ricevis premion de l' Sporta Romano, pro sia verko „L'Aventure sur la Ponto".

*** Ĵus fondiĝis en Parizo la „Radio-Club Espérantiste de France" kun la komitato: S-roj R. Mesny, E. Archdeacon, P. Corret, G. Warnier, T. Cart, Aisberg, Chiron, Arger, Couteaux, Dubois, Houbart, Selves.

*** La revuo „La Paix par le Droit" publikigis francan tradukon de la Zamenhofa Alvoko al la Diplomatio.

*** „Bulteno de la Aerologia Observatorio de Tateno" estas eldonaĵo de la sama observejo, kiu pasintjare eldonis ampleksan raporton pri la variado de ventoj.

*** „Hungara Fremdafera Studenta Komisiono" uzas nian lingvon, starigis kursojn kaj informejon: Budapest IV, Muzeum körut 41.

*** Reviglîĝanta intereso al la stenografiaj sistemoj en Esperanto estas videbla en la novaj projektoj lastatempe aperintaj, ekzemple „Ĉies" de S-ro Dyba kaj „Rapido" de S-ro Wallon. Tio plilongigas la liston de esperantaj stenografioj jam abundan: „Aoro" de Sprotte, „Espero" de Baritch, „Raporta" de Butler, „Natura" de Christoffel, „Internacia" de Lefebre, „Duployé" de Flageul, „Espersteno" de Catton, „Gabelsberger" de Schramm, „Greeg" de Jackson, „Elementa" de Jakab, „Pitman" de Lyndridge ktp.

**Kun tiu ĉi numero estas sendataj:**
**N-ro 22 de la Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo**
**Gvidfolio pri banloko Norderney**
**Al la delegitoj estas krome sendataj:**
**specimeno de la revuo „Esperanta Praktiko"**
**Gvidfolio de Dordrecht**
**Postkongresaj vojaĝoj tra Skandinavio**

# Esperantista vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Samuel Genio* kun F-ino *Rosa Sasson*, en Jerusalem, Palestino.

— S-ro *David*, meteorologo en Rayak, Sirio, kun F-ino *Rousset*, Del. en Avignon, Franclando.

**Edziĝo.** — S-ro *Paul Lobut*, eksdelegito de UEA en Paris, kun F-ino *Lucienne Hourdebaigt* el Courgent, S. et O.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *E. Urbach* en Antwerpen, naskiĝis filineto, nomita Hana.

**Doktoriĝoj.** — S-roj *A. Mildwurf* el Przemysl, Poll., *E. Omelskyj* el Ĉernovico, Rum. kaj *W. Ośanicky* el Sibiu, Rum., sukcesis siajn doktorajn ekzamenojn ĉe la universitato de Wien.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

Ges-roj **Kolobaŝkin** en Lomigory, USSR., havis la malfeliĉon perdi sian kvinmonatan filinon Maria.

S-ino **Felicia Sonnino v. Segré**, patrino de F-ino Viktorino Segré, konsulino de UEA por virinoj en Genova, mortis 62-jara.

F-ino **Mirella Lonescu**, 19-jara, en Ploeŝti, Rumanio.

S-ro **Kolomano Jankovich**, Del. de UEA en Vorderbruck, Aŭstrio, subite mortis pro korparalizo.

S-ro **Wagenbreth** en Elze (Hann.)

S-ro D-ro **Misinato** en Venezia, pro militakirita malsano, 31-jara; prezidinto de la grupo „Zamenhof".

**Sinceran kunsenton!**

## La bilanco de la plej granda hungara banko

En financaj rondoj oni atendis kun granda intereso la bilancon de la Hungara Ĝenerala Kreditbanko, kiu havas centran gravecon en la ekonomia vivo. Rilate la dividendon kaj la fremdan kapitalon deponitan ĉe tiu ĉi banko ĝi superas ĉiujn enlandajn moninstitutojn. La progreso de la hungara ekonomia vivo respeguliĝas en la nun okazinta ĝeneralkunsido, kiam oni publikigis la lastjaran bilancon. La dua plej granda banko, la Pesta Hungara Komerca Banko donis por la jaro 1926: 31,25 miliardojn da kronoj, la Hungara Ĝenerala Kreditbanko, kiu por 1925 donis 34,5 miliardojn, voĉdonis por la akciposedantoj nun 51,75 miliardojn da kronoj, do preskaŭ 50 % pli, ol por 1925. La neta gajno estas laŭ la oficiala bilanco 5.259.000 pengoj kompare al 3.287.000 en la lasta jaro, do preskaŭ 70 %-a altiĝo. Ĝi do ankaŭ relative pli forte progresis, ol la aliaj hungaraj bankoj. La spezo de la kasoj estis 32.598 miliardoj en la ŝparkaslibroj kaj kontoj estas enpagitaj 2.430 miliardoj da kronoj. La tuta profito estis 65 % de la lasta pacjara profito, do la rekonstruo bone progresas. La altigon de la imposto montras, ke dum en 1913 la banko pagis nur 7 % de la neta profito al la ŝtato, nun ĝi pagis preskaŭ 40 %, kiel imposton. La ŝparenmetoj altiĝis dum unu jaro de 125 milionoj da pengo al 194,3 milionoj da pengo, do proksimume per 55 %. Dum 1926 oni malaltigis la nombrojn de la oficistoj kaj salajristoj, kies tuta personaro sumas 1020 homojn. Do de 1923 ĝi maldungis 45 de ĝia dungitaro. La hipoteka bila stato de la banko estis 1.652.000 dolaroj je jarfino, kvankam ĝis nun ĝi donis nur por bienoj hipotekpruntojn.

Ĝia unuaranga stato do estas senduba.

## Festsemajnoj en Wien

Verkis *H. Steiner*, Korneuburg

☆

Wien festas! Nek milito, nek la malagrabla postmilita tempo povis subigi la nedetrueblan volon al vivo de ĉi tiu unika urbo. Pro tio ni ne miru, ke senĉese venas vojaĝantoj al Aŭstrio; ili volas lerni, kiel la urbo Wien sukcesas konservi al si en ĉi tiu prema tempo ankoraŭ tiom da viv-emo kaj ĝojo.

En ĉi tiu jaro, de 5.—19. Junio, oni aranĝos*) du grandiozajn festsemajnojn, kiajn oni ne vidis depost la „Wiena Kongreso en 1814/15." La programo estas giganta. Unualoke komprenéble la muziko. Wien ja estas la „muzikurbo". Mondkonataj kantunuiĝoj aranĝos koncertojn; en la historia preĝejo en Mödling, duonhoro de Wien, oni prezentos „Missa Solemnis" de Beethoven; en la romantike situata Höldrichsmühle eksonos melodioj de Schubert; sub ĉielo en la mezo de Wien ĉiuj militistaj muzikistaroj aranĝos komunan koncerton.

La teatro „Operntheater" (opero), en kiu Richard Strauss verkas, prezentos serion da majstroprezentadoj „De Mozart ĝis Strauss": „Burgtheater", la plej malnova kaj unua germana teatro, festprezentadojn de verkoj de Grillparzer, Nestroy, Schönherr k. a. La operet-teatroj aranĝos cikluson pri la historio de la Viena opereto ktp.

Sed ankaŭ multaj aliaj distingaj aranĝoj okazos: „Granda konkurso pri eleganteco de l' aŭstria aŭtomobilklubo" en la kastelkortego de Schönbrunn kaj „Altsocieta kunveno" (Schönbrunner Kammergarten, la promenejo de la iama imperiestro); gaja festo de la Wienaj teatroartistoj „Balfesto ĉe Johann Strauss", tipa karnavala aranĝo laŭ pli frua Wien; parada prezentado en „Hispana kortrajdlernejo"; subflora promenveturado per aŭtomobiloj en Prater ktp.

Sportamantoj havos multan plezuron. Okazos: la fame konata „Aŭstria Derby"; „Vetkurado pro Grand Prix de Wien", egalranga al la samnoma vetkurado de Auteuil; int. „Polo"-ludoj; kurado „tra Wien"; virinsporta festo; pilkludoj; int. atleta kunveno; solena ekveturo al „Aŭstria alpa aŭtomobilvetveturado" ktp.

Ankaŭ la eklezíaro kunhelpos festi. Ĝi aranĝos en la belega abateja preĝejo de Klosterneuburg, admirindega konstruaĵo laŭ aŭstria barokstilo, solenan pontifikan meson kantatan, meson de Bruckner kaj fine mezepokan Paskan misteron.

Sed oni intencas ankaŭ montri al la fremduloj la belegan ĉirkaŭaĵon de Wien. Pro tio oni aranĝos distraĵojn en la bordbanlokoj de Klosterneuburg, Kritzendorf, Baden kaj Vöslau; mezepokajn festludojn kaj vilaĝfestojn en Wachau, la valo de Danubo inter Melk kaj Krems kun siaj rememoroj al „Nibelungen". Sur Semmering, la 1000 m alta „Dorado" de ĉiuj homoj, kiuj ŝatas samtempe ĝui la naturon de montarbaroj kaj hotelan lukson, oni vidos la brilon de multnombraj torĉoj de irantaro kaj multaj fajregoj suraltaĵaj heligos la nokton.

Granda intereso regas jam en la eksterlando por nia aranĝego ankaŭ pro tio, ĉar la vizitontoj ricevos 50 % veturrabaton sur la aŭstriaj fervojoj kaj ŝipoj kaj ne bezonos vizon.

Mendu detalajn informojn en *Esperanto* ĉe „Fremdenverkehrskommission", Wien I, Museumstr. 1.

☆

*) La „Fremdenverkehrskommission der Bundesländer Wien und Niederösterreich", Wien I (Komisiono por fremdulfrekvento de la liglandoj Wien kaj Malsupra Aŭstrio).

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Garibaldi 20 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigata

---

**Solvoj:** 145 =

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | | O | | |
| | M | M | M | |
| A | E | I | O | U |

146 = Mer kuro; 147 = Ebo; Evo; 148 = Aŭtuno: 149 = Fundamento; 150 = Tolono.

---

151. **Plenigotaj versaĵetoj.**

**Nesan***blaj ***sanoj.**

N* ****s j* surd*** | p*i **rda ol **rdulo k** tu** | n* vo*** aŭ**, n** blin***' p*i bl**** | o* t** n* vola*** vi**. Kont*** | nov**o ĉ**, eĉ bo**ga, sta*** | l* *da malh***aĵo d* l' **tinto, | k*u *er s*a *uta bl**da f**to | bata*** ***traŭ mo**o.

---

152. **L* falint**ino.**

(El Victor — Hugo).

Ne *iru v* insul**n | a* *a fa*********; | kr** D** k** sc*** | sub k** ŝar** fa*** | l* malf*******no?

---

153. **Malproksimegaĵoj.**

Aŭdebla jen afero; | muzika noto jen; | kun la unua se | la duan metos vi | jen por ni, eŭropanoj | malproksimegaj mar' kaj insularo.

---

154. **En Sudazio.**

Pronom' l' unua; | inklin' pasia | estas la dua; | en Sudazio | estas la ĉio.

---

155. **Urbego.**

Radik' de vorto, kiu | signifas malobeon | al la ordon' de Di', al de moralo | reguloj, leĝoj, se kun in' kuniĝas | urbegon igas orientazia.

---

*Ĝustaj solvoj alvenintaj.*

Marto: 119—121: R. Tsuji (Osaka, Japan). (La solvinto pardonu la malfruecon de ĉitiu presaĵo de liaj solvoj!)

Aprilo: 121: V. Karagjorov (Sevlievo, Bulgario).

Majo: Ĉiuj: R. Tsuji. — 129: D. Karagjorov.

Aŭgusto—Septembro: 131, 132; 134, 135, 136: R. Tsuji. — 134, 135, 136: Ivan Nikolov (Gorna Oreovica, Bulgario). — 134, 135: Bernard Weickhmann (Stettin).

Novembro—Decembro: Ĉiuj escepte 144: P. Rizzo (Catania, Italio). — 137, 138, 139, 140; 142, 143: R. Tsuji. — 137, 138, 139; 142: E. Janisch (Praha). — 137, 138: S. Frantz (Paris). — 137, 138. 139; 141; 143, 144: C. William (Stettin). — 137, 138; 140, 142: Ivan Nikolov. — 138; 141, 142, 143: B. Weickhmann.

---

*Petoj al Ges-roj solvontaj:*

1. **Volu atenti — mi petas — pri mia *nova adreso*.**
2. **Klarege skribu, kaj substreku ĉiam la *famil*-nomon.**
3. **Memoru, ke ĉiu aboninto de Esperanto povas kunlabori en ĉitiu rubriketo: la senditaj enigmoj estos publikigataj *laŭ ebleco*.**

*A. M.*

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

---

**Problemo N-ro 199.**
*W. A. Shinkman*
(Brenntanos Chess Monthly 1880)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 200.**
*A. W. Daniel*
(Western Daily Mercury 1907)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 201.**
*F. Fränkl,* Stanislawów
(Wiener Schachzeitung 1925)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 202.**
*P. A. Uršič,* Ŝlovrenc
(Časopis Čes. Šachistu 1906)



Blanko matas per la 4-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 195: 1. Ĉf2—d1, Ĉc1—a2, 2. Te4—e2 m.: Rb1—a2 aŭ Ĉc1—e2, 2. Te4—a4 m.; ~, 2. Ĉd1—c3 m.

N-ro 196: 1. Db2—g2, Ra8—b8, 2. Dg2—g8 m.; b6—b5, 2. Rc6—c7 m.; Ka7—b8. 2. Rc6×b6 m.

N-ro 197: 1. Df2—a7, Re5×f6, 2. Da7×g7 m.; Dg7×a7 (b7, c7), 2. f6—f7 m.; post alia movo 2. Da7—a1 m.

N-ro 198: 1. Dh7—h8, h5×g4, 2. Tg7×g4 m.; Rd4—c4 (c3), 2. Tg7—c7 m.; Rd4—e4 (e5), 2. Tg7—e7 m.

---

N-ro 19. Hinda defendo.

Ludita dum la internacia turniro en Hastings, la 28-an de Decembro 1925.

Blanko: G. M. Norman — Nigro: D-ro M. Vidmar

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | d2—d4 | Ĉg8—f6 | 11. | d4×e5 | Ĉc6×e5 |
| 2. | c2—c4 | g7—g6 | 12. | Df3—g3 | Ĉe5×d3 +\|- |
| 3. | Ĉb1—c3 | Kf8—g7 | 13. | Re1—f1 | c7—c6 |
| 4. | Ĉg1—f3 | O—O | 14. | h3—h4 d | Dd8—d7 |
| 5. | e2—e4 | d7—d6 | 15. | h4—h5 | Dd7—e6 |
| 6. | Kf1—d3 a | Kc8—g4 | 16. | Th1—h4 | De6×c4 |
| 7. | h2—h3 | Kg4×f3 | 17. | h5×g6? | f7×g6 |
| 8. | Dd1×f3 | Ĉb8—c6! b | 18. | Dg3—h3 | Ĉd3×f2! |
| 9. | Kc1—e3 | Ĉf6—d7 | 19. | Ke3×f2 | Ka7—d4 |
| 10. | Ĉc3—e2? c | Ĉd7—e5! | | Blanko rezignis | |

a Pd4 ne estas nun bone ŝirmebla, kutime oni ludas 6. h2—h3 aŭ Kf1—e2. b Ŝajnas esti pli bona ol 8. —, Ĉf6—d7, 9. Kc1—e3, c7—c5, 10. d4—d5, Ĉd7—d5 ktp, kiel estis ludite de Réti—Marshall en New York 1924. — c Blanko ne vidas la sekvantan manovron, pro kiu li perdas peonon kaj arokon, per 10. d4—d5 ne estus la blanka pozicio ankaŭ plibonigita pro la fordono de la kampo e5 al nigro. — d Malfrua atako, kiu ne plu valoras.

---

*Korespondo kaj sciigoj:*

S-ro G. Harŝev, Ĥisar. En 194 post Ĉc1—a2 forkurus la reĝo tra d4.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Belglando.

**Liège.** S-ro Raymond Kiere, 1 Cité Théwis, L, PI bfl, PM kĉl.

### Britlando.

**London W. 1.** S-ro F. A. Hampton, 59 Queen Anne Street, L pri scienca studo de flarsento, artikolojn pri parfumo, aromo, floresenco, plantodoro (li intencas verki libron).

### Bulgario.

**Plovdiv.** S-ro Georgi Buzrov, Trapezica ulica 18, L, PI kĉl.

**Plovdiv.** S-ro K. Paraskof, ulica Slavejkof 32, kun gejunuloj.

**Stara Zagora.** S-ro N. Avramov, ulica Haĝi Asenov 70, PI, fotoj, precipe, kun fraŭlinoj.

### Ĉeĥoslovakio.

**Boršice u Buchlovic č. 346.** S-ro Adolf Bartošík, Ex libris, PI, L pri arto kĉl., nepre respondas al ĉiu.

**Český Těšín.** S-ro Josef Rucky, Hrabinská 33, L, PI, fotaĵojn, kun suda Ameriko, ĉiam respondas.

**Kovâlovice p. Tištín na. Hané.** S-ro Navratil Jan, trafikanto, koloritaj PI bfl, PM, L pri lignaja metio, abel- kaj terkulturo kaj ĉiuj temoj nur kun eksterеŭropanoj.

**Georgswalde.** S-ro Ant. Fabich, Pianofabrik Scholze, PI, L kun foto, prefere kun knabinoj kĉl.

### Danmarko.

**Sönderborg.** F-ino Therese Bonniksen, studentino, Ulkeból, PI bfl, PM kĉl.

**Sönderborg.** S-ro C. Kryhlmand, a|s Bona, PI bfl, PM kĉl.

### Estonio.

**Sangaste.** S-ro Jaan Kübar, abituriento, L, PI kĉl.

### Finnlando.

**Rauma.** S-ro Väinö Salo, 20-jara fraŭlo, Alhonkatu 9, kun urbeganoj.

**Sysmä.** S-ro Arvi Aaltonen. L, PI kĉl., ĉiaj temoj.

**Turku.** S-ro Viljo Vesa, Kauppiaskatu, L, PI kĉl.

### Germanio.

**Braunsberg,** Ostpr. S-ro H. Schlüter, studento, Holzstr. 23, PI, L pri landkutimoj, bonaj PM, angle kaj france kun Britlando, Franclando kaj kolonioj, hispane kun Sudameriko, esperante kun Azio.

**Breslau 13.** S-ro Oscar Dirlam, Höfchenplatz 3, L, fotoj, PI el Greklando, Ruslando, Norveglando, Danlando, Afriko, Oceanio, PM kĉl., angle, france, esperante, stenografe, precipe kun fraŭlinej.

**Breslau 23.** S-ro Wolfgang Sachs, Kantstr. 51 a, I, L, PI, PM kĉl.

**Cleve,** Rhld. S-ro Jakob Tripp, Königsallee 1, PI bfl kĉl., nepre respondas.

**Cleve,** Rhld. S-ro Karl Hachmann, Mittelweg 40, PI bfl kun neeŭropanoj.

**Deggendorf** bei München. S-ro Anton Brandl, L, PI kĉl.

**Heida** bei Riesa. F-ino Elisabeth Fichtner, PI, L pri komencinstruo.

### Greklando.

**Leonidon.** F-ino Polytimi Kotsia, L, PI kĉl.

**Leonidon.** F-ino Koula Vojadji, PI, L kĉl.

### Hispanio.

**Barcelona-Clot.** S-ro José Ordinana, Rosendo nobas 17-2-2, PI, PM bfl.

**Concentaina-Alicante.** S-ro Restituto Albero, str. Santos Medicos 30, PI kĉl.

**Huesca.** S-ro Pedro Bescós, Cuatro Reyes 5, PM seriozaj kĉl.

### Hungario.

**Budapest.** S-ro Stefano Valentin, I pauler ucca 5, PI, PM kĉl.

**Györ.** S-ro Emeriko Gold, Rákaczi Ferenc ucca 35, PI, PM, precipe kun laboristoj (inoj) kĉl.

**Kispest-Budapest.** S-ro K. E. Werkner, Batthyány ucca 67 b, papermonon, ankaŭ senvaloran, PI, L kun ĉefurboj.

**Miskolcz.** S-ro József Váry, stud. med., Vay-uti telep V. 4, L ĉiatemaj, esperantaj gazetoj, PI bfl kun urbpanoramoj kĉl.

### Italio.

**Aosta.** S-ro Alessi Carlo, Del. de UEA, Acciaierie Cogne Girod, serĉas por 40 gelernantoj 18—30-jaraj korespondadon kĉl.

### Litovio.

**Kaunas.** S-ro D-ro Kazys Petronis, Seimo g-ve 5, but. 8, PM, PI esperante kaj ruse.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

**Breda.** S-ro C. Diepstraten, Teteringschen Dyk 60 E, L, PI kĉl.

**Venlo.** S-ro P. Pypers, Stalberg 144, PM laŭ Yvert-Tellier 1927 kun progresintaj kolektantoj kĉl.

### Pollando.

**Vilno.** S-ro D. Fajnŝtejn, studento, Zawalna 15, pri psikanalizo, sugesto, hipnotismo, telepatio, mediumismo, mnemoniko, L pri aliaj temoj kun neeŭropanoj.

### Rumanio.

**Arad.** S-ro Ludoviko Staub, strato Dr. R. Veliciu 1 a, PM, PI kĉl.

**Arad.** S-ro Eugeno Ferenczi, bulevard Reg. Ferdinand 4, parter 5, L, PK pri sociaj problemoj kĉl.

**Pui,** Transilvanio. S-ro Fernando Pokanski, delegito de UEA, PM, ilustritaj gazetoj, moneroj, kontraŭ belaj puraj PI sendas PM, angle, france, germane, esperante.

**Timisoara.** S-ro Francisko Szegö, profesoro, IV str. Bonnaz 10, PM kĉl., precipe kun eŭropanoj.

### Sudslavio.

**Komiža.** S-ro Ante Vitaljič, kun muzikistoj ĉiulandaj.

**Petrovac-Bačka.** S-ro Jan Badonsky, gimnaziano, L, PI bfl kĉl.

**Pirot-Srbija.** S-ro Boris Riasnianski, profesoro, PM laŭ Michel-Yvert kĉl.

**Sv. Lovrenc-na Pohorju.** F-ino Rezi Domajnko, PI bfl kĉl.

**Zagreb.** S-ro Juraj Mraz, bankoficisto, Maksimirska 14, PM kĉl. eksterеŭropaj kaj kun Albanujo, Turkujo, Helvetio, Hispanujo, Portugalujo, Norvegujo kaj Svedujo.

### Svedio.

**Gefle I.** S-ro Erland Holmquist, Katrinelund 60, L, PI, fotojn kun seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj, esperante, svede, angle kaj germane.

**Gefle II.** S-ro G. W. Bodinson, Alnäs, PM kĉl., el Germanujo la plej novajn, esperante, svede, angle kaj germane.

### Usono.

**Madison,** South Dakota. S-ro Edward Marquard, PI kĉl., serĉas korespondantojn por esperanta klubo.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**ADA** eldonos sian verkon „El la intima libro de la verdurbaj esperantistoj" (skizoj el la vivo esperantista), se almenaŭ 400 esperantistoj antaŭmendos po 1 ekzemplero, sendante 1 UEA-respondkuponon je valoro 0,50 fr. sv. al: At. D. Atanasov, Oborište 68, Sofia, Bulgarujo.

**Adresŝanĝo.** S-ro Janko Georgiev, Aitos, Bulgario, petas pardonon de siaj korespondantoj, ĉar li forestos de hejmo kaj ne povos korespondi.

**Atentu!** S-ro D-ro Joao Vianna, inĝeniero, Av. Commercio 219, Bello Horisonte, Minas (Brazilo), korespondas poŝtkarte kun seriozaj samideanoj pri tanado de molaj ledoj por teksiloj kaj pri socialaj temoj. Proponas aĉeti librojn pritraktantajn detale tanadon de molaj ledoj (picking belts) en esperanta, franca, angla, hispana, itala aŭ germana lingvoj. Por konvinki gravan entreprenon, kies administranto li estas. Klopodoj kaj informoj eventuale pagotaj.

**Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo** petas specimenojn de ĉiuj prospektoj, katalogoj, prezaroj, invitiloj, gvidfolioj ktp., kiuj aperas esperantlingve kaj kiuj rilatas komercon, industrion, financon. Sendu ilin kiel presaĵo al S-ro G. Vermandere, Vleminckx strato 18, Antwerpen, Belglando.

**Avignon.** F-ino Rousset informas siajn gekorespondantojn, ke dum Junio veturos Sirion por edziniĝi kaj restadi.

**Eksporto.** Belga fabrikanto de ĉokolado, sukeraĵoj malkaraj serĉas vendokampojn. Eksportas ĉiujn belgajn komercaĵojn. S-ro Jos. Nuyts, 7 Kistenmaeckerstraat, Antverpeno, Belgujo.

**Filatelistoj.** Kun seriozaj kolektantoj el ĉiuj landoj mi interŝanĝus laŭ Michel. Mi povas doni hungarajn, aŭstriajn (malnovajn kaj novajn), bosniajn, jugoslavajn, germanajn, bulgarajn, rumanajn, ĉeĥoslovakajn PM. Minimuma sendaĵo rekomendita 300 ekzempleroj. S-ro D-ro Jozefo Takács, Budapest IV, Váczi utca 8, Hung.

**Filatelistoj.** Interŝanĝas italajn PM (laŭ Yvert), ne akceptas bagatelojn kaj ne antaŭsendas. Adreso: S-ro Alessi Carlo, Acciaierie Cogne Girod, Aosta, Italio.

**Gelernantoj** en gimnazioj francaj kaj germanaj! Kelkaj gelernantoj (14—20-jaraj) en la gimnazio de Stara-Zagora volas korespondi kun vi por perfektiĝi en viaj naciaj lingvoj. Interesatoj volu sin turni al S-ro Iv. Krestanoff, profesoro ĉe la gimnazio, Stara Zagora, Bulgario.

**Itala Esperanta Federacio** sciigas, ke ĝia nuna adreso estas: Livorno, Viale Carducci 15 (por telegramoj), Livorno, Poŝta Kesto 204 (por leteroj), Itala Poŝtĉeka Konto 5-673, Bologna (por pagoj).

**Karakterpriskribado** el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

**Kinematografo.** Pri novaĵoj en kinematografo kaj pri novaj filmoj deziras korespondadi. S-ro Václav Sýkora, direktoro de kinematografo, Čes. Budějovice, Havlíčkova kol. 725, Ĉeĥoslovakio.

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N